


# Diversaĵoj

RAKONTOJ

EL J. LEMAITRE, J.-H. ROSNY,
G. AURIOL.......

ESPERANTIGITAJ DE

Soj F. LALLEMANT kaj L. BEAU

---

3e ÉDITION CORRIGÉE

---

PARIS
LIBRAIRIE HACHETTE ET Cie
79, Boulevard Saint-Germain

1905




# Diversaĵoj

RAKONTOJ

EL J. LEMAITRE, J.-H. ROSNY, G. AURIOL.......

ESPERANTIGITAJ DE

Soj F. LALLEMANT kaj L. BEAU

---

3e ÉDITION CORRIGÉE

---

PARIS
LIBRAIRIE HACHETTE ET Cie
79, Boulevard Saint-Germain
—
1905

# La ekonomia Negreto

Rakonto de G. AURIOL.



Li alvenis al mi kun larĝa rideto sur la lipoj.

Mi diras « kun larĝa rideto », ĉar simpla rideto ja ne sufiĉus, por ke etendiĝu plene lia grandega lipa organo.

Li alvenis al mi kun rideto sur la lipoj, tenante sian perlogrizan ĉapelon en la mano, — sin klinis profunde kaj diris :

— Sinjoro, mi estas malgranda negro...

— Vi estas negro, mi respondis, pri tio mi ne kontraŭdiras, sed permesu ke, ĝis pli plena esploro, mi vin konsideru kiel grandan negron : vi havas almenaŭ 1 metron 80 da alteco.

— Mi estas altkreska, li respondis, sed tamen mi estas malgranda negro, sinjoro. Mi havas nur dek-ok jarojn, sinjoro.

— Via juna aĝo, mi rediris, ne malhelpas vin esti unu el la plej grandegaj ekzempleroj de l' nigra gento. Akceptu la titolon de juna negro, ĉu vi konsentas ?

— Jes, sinjoro!

— Nu! juna negro, kion do vi deziras?

— Sinjoro, mi estas tute sola en Parizo,... tute sen mono, mi volas labori...

— Vi volas labori... tre bone! Sed kion vi intencas fari? Ĉu plaĉus al vi froti la pargetojn aŭ zorgi pri la ĉevaloj?

— Ne, li respondis, ne, ne tio estas por mi! Mi ne estas servisto! Mi estas princo en la patrolando, granda princo; mi ne lernadis por purigi la botojn.

— Kion do vi volas fari?

— Mi estas instruita, sinjoro, mi pasigis kvar jarojn en la gimnazio, mi volas fariĝi sekretario.

— Sekretario! mi ekkriis; ĉu vi scias redakcii leteron?

— Perfekte, sinjoro.

— Tre bone! ni ekzamenos tion. Mi tuj komisios al vi skribi leteron. Kiam mi estos parolinta, vi redakcios miajn parolojn sur la papero. Aŭskultu atente, mi komisias al vi skribi leteron al la poŝtestro:

« Sinjoro direktoro, vi diros al li, mi havas la honoron sciigi vin ke, de kelkaj semajnoj, la leteroj al mi adresitaj alvenas al mi tre prokraste. Eĉ kelkaj el ili tute ne alvenas. Luksa eldonaĵo, kiun mi abonas, estas liverata ĉiusemajne en la plej mizera stato, kio min devigas reaĉeti la difektitajn ekzemplerojn, kaj al mi kaŭzas duoblan elspezon. Esperante ke vi bonvolos esplorigi tiujn faktojn, kaj severe ordoni por ke ili ne reiĝu, mi petas, sinjoro direktoro, ke vi kredu je mia distinga ŝato. »

L'aminda negro sidiĝis, kaj ekkaptis plumon. Tri sekundojn pli malfrue, li prezentis al mi folion, sur kiu mi legis jenajn simplajn vortojn: « Poŝt-Direktoro. — Leteroj perditaj kaj prokrastitaj, ĉiutage. Gazetoj kaj

revuoj difektitaj. Tre malkontenta. Ĉesigu tion, se ne mi faros plendon. Grandan saluton. »

— Nigra princo ! mi ekkriis konatiĝinte kun tiu ĉi mallonga skribaĵo, — nigra princo, mi vin petas, permesu ke mi plene senkulpigu min antaŭ vi ! Mi solene aljuĝas al vi la titolon de « negreto », kiun vi ĵus postulis ! Vi estas negreto, bona negreto, multvalora negreto, ĉarma kaj nekomparebla negreto ! Mi dungas vin ne kiel sekretarion — sed kiel tradukiston ! Ĉiufoje kiam mi bezonos transsendi rapidan komunikon al miaj korespondantoj, — vi tradukos ĝin en telegrafan stilon, — ĉar vi posedas la genion de l'lakonismo, negreto, la genion de l'lakonismo (1) !

La negreto sin klinis, pendigis sian ĉapelon en la antaŭĉambro, kaj diris :

— Al viaj ordonoj, sinjoro !

(Sed de la tempo kiam li estas ĉe mi, mi malpliigis duone la telegrafajn elspezojn.)

Kun la permeso de l'aŭtoro tradukis F. L.

---

(1) Oni nomas « negreta lingvo » simpligitan idiomon, kiun la francaj negroj parolas en la kolonioj.



# La Sonorilo

Novelo de JULES LEMAÎTRE.



La malgranda paroĥo Lande-Fleurie (Land Flüri) ĥavis malnovan sonorilon kaj maljunan pastron.

La sonorilo estis tiel fendetita ke ĝia sonoro, simila al tuso de maljunulino, doloris la aŭdantojn kaj malgajigis la dislokitajn en la kampoj plugistojn kaj paŝtistojn.

La pastro, abato Corentin (Korentin), estis ankoraŭ fortika kvankam sepdekkvin-jara. Li havis infanan vizaĝon sulkitan sed rozkoloran, enkadrigitan per blankaj haroj similaj al la stupofaskoj kiujn ŝpinas la bonulinoj de Lande-Fleurie.

Li estis amegata de siaj paroĥanoj pro lia korboneco kaj lia granda malavareco.



Ĉar alproksimiĝis la epoko kiam la abato Corentin atingos sian kvindekjaran pastrecan jubileon, liaj paroĥanoj decidis fari al li donacon grandvaloran.

Sekrete, en ĉiuj domoj, la tri preĝejservistoj petis de la vilaĝanoj monoferojn kaj, kolektinte kvarcent frankojn, ilin alportis al la abato Corentin petante ke li iru en la urbon por aĉeti novan sonorilon.

— Miaj infanoj, diris la abato, miaj karaj infanoj... Estas vere la Bona Dio kiu... por tiel diri... en kia ajn maniero...

Li ne povis daŭrigi, tiel li estis kortuŝita kaj li povis nur murmuri :

« *Nunc dimittis servum tuum, domine, secundum verbum tuum in pace !* »

***

La morgaŭan tagon, abato Corentin ekiris por aĉeti la sonorilon. Li devis piediri ĝis la malproksima je kvar kilometroj vilaĝego Rosy les Roses (Rozi le Roz) kiun trapasas la poŝtveturilo irante al la urbego Pont-l'Archevêque (Pon l'Arŝevek), ĉefurbo de l'provinco.

Estis bela vetero. La vivo de l'arboj, de l'birdoj kaj de l'kreskaĵoj utilaj aŭ agrablaj bruetis sub la suno je ĉiu flanko de l'vojo.

Kaj la maljuna pastro, kun la kapo jam plena je belaj sonoroj estontaj marŝis gajege, laŭdante la sinjoron, kiel S^kta^ Francisko de Sales, pro la gajeco de l'kreitaro.

Kiam li alproksimiĝis al Rosy les Roses, li ekvidis ĉe la vojrando, senĉevaligitan veturilon de arlekenoj. Apud tiu ĉi veturilo, maljuna ĉevalo kuŝis flanke kun la kvar kruroj etenditaj, la ripoj kaj la pintaj ostoj de l'dorso krevigantaj la haŭton senharigitan, sango ĉe l'nazotruoj, la kapo ŝvelinta kaj la okuloj blankaj.

Gemaljunuloj vestitaj per strangaj ĉifonoj kaj kotonaj rozetaj brustvestoj, tute disflikitaj, sidis sur la vojrando kaj ploris pri la mortinta ĉevalo.

Knabino dekkvinjara eliris subite el la fundo de l'kaveto kaj alkuris al la abato dirante :

— Almozon ! Sinjoro Pastro, almozon ! mi vin petegas.

La voĉo estis raŭka kaj samtempe dolĉa kaj kantetis la preĝon kiel ciganan kanton.

La infanino kies haŭto estis similkolora al freŝe tanita ledo estis vestita nur per malpura ĉemizeto kaj ruĝa jupo ; sed, ŝi havis tre larĝajn nigrajn pupilojn kvazaŭ velurajn kaj lipojn kiel maturaj ĉerizoj. Bluaj floroj estis endesegnitaj per pikileto en ŝiaj flavaj brakoj. Kupra ringo subtenis ŝiajn nigrajn harojn ventumile etenditaj ĉe ĉiu flanko de ŝia vizaĝo simile al la egiptaj figuroj.

Malrapidigante sian marŝon, la abato Corentin eltiris el sia poŝo kupran moneron, sed, renkontante la rigardojn de l'infanino, li haltis kaj ekdemandis ŝin.

— Mia frato, klarigis ŝi, estas en malliberejo, tial ke oni diris ke li ŝtelis kokinon. Ĉar li estas nia nutranto, ni ne manĝis de du tagoj.

La abato Corentin remetis la moneron en sian monujon kaj eltiris el ĝi arĝentan moneron :

Ŝi daŭrigis :

— Mi, mi scias ĵongli, kaj mia patrino antaŭdiras la sorton ; sed oni ne permesas ke ni perlaboru en la urboj kaj en la vilaĝoj, ĉar ni estas tro mizeraj. Kaj, nun, jen nia ĉevalo mortis ! Kio fariĝos al ni ?

— Tamen, diris la abato, ĉu vi ne povas serĉi laboron sur la kampoj ?

— La vilaĝanoj nin timas kaj ĵetas sur nin ŝtonojn. Plue ni ne kutimis laboradi, ni scias nur fari ĵonglojn. Se ni havus ĉevalon kaj iom da mono por nin vesti, ni povus eble ankoraŭ vivi per nia metio. Sed al ni nenio restas pli, krom morti.

La abato remetis l'arĝentan moneron en sian monujon.

— Ĉu vi amas la Bonan Dion ? li diris.

— Mi Lin tre amos se Li helpos al ni, respondis l'infanino.

La abato eksentis la pezon de l'sako kiun li portis ĉe sia zono kaj kiu enhavis la kvarcent frankojn de liaj parohanoj.

La almozulino rigardadis senintermanke la pastron per siaj ciganaj okuloj kiujn tute plenigis ŝiaj pupiloj.

— Ĉu vi estas bonkonduta, diris la abato.

— Bonkonduta ? ripetis la ciganino mirante, ĉar ŝi ne komprenis.

— Diru : Dio mia, mi vin amas !

La infanino silentis. Ŝiaj okuloj estis plenaj je larmoj.

La abato malbutonumis sian robon kaj deprenis la dikan sakon plenan je mono.

La ciganino ekkaptis la sakon per gesto simia kaj diris :

— Sinjoro Pastro ! mi vin amas.

Kaj ŝi forkuris al la gemaljunuloj kiuj ne moviĝante, ploris ĉiam pri la mortinta ĉevalo.

***

La abato iris plue al Rosy-les-Roses, pripensante pri la malriĉegeco en kiu Dio restigas multajn el siaj kreitaĵoj kaj petante ke Li lumigu al tiu malgranda ĉarlatanino kiu, eble, ne havis religion kaj ne estis baptita.

Sed, subite, li ekpensis ke ne estas plu bezone ke li iru al Pont-l'Archevêque, ĉar li ne havas plu la monon por la aĉeto de l'sonorilo.

Li revenis do malantaŭen.

Li preskaŭ ne komprenis kiel, al almozulino nekonata, al ĉarlatanino, li povis donaci tiel grandan sumon, kiu ne apartenas al li.

Li rapidigis sian marŝon esperante revidi la ciganinon. Sed, sur la vojrando estis nur la mortinta ĉevalo kaj la senĉevaligita veturilo.

Li ekmeditis pri tio, kion li faris. Sendube li grave pekis, li trouzis la konfidon de siaj paroĥanoj, li alproprigis al si tenataĵon, li faris kvazaŭ ŝtelon.

Kaj li antaŭvidis terure la konsekvencojn de sia kulpo. Kiel li kaŝos ĝin? Kiel li ĝin elaĉetos? Kie li trovos kvarcent aliajn frankojn, kaj, dume, kion li respondos al tiuj kiuj lin demandos? Kiel li klarigos sian konduton?

La ĉielo malheliĝis. La arboj vidiĝis ofende kaj krude verdaj ĉe la horizonto plumbkolora. Grandaj pluvgutoj falis. La abato Corentin estis impresata de l'malgajeco de l'kreitaro.

Li povis reeniri la pastrodomon ne vidite.

***

— Kio! Jam vi revenis, sinjoro Pastro? demandis lia maljuna servistino Scolastique (Skolastik), vi ne iris do al Pont-l'Archevêque?

La abato mensogis: « Mi ne povis atingi la poŝtveturilon... Mi iros alian tagon... Sed, auskultu, diru al neniu ke mi jam revenis. »

La morgaŭan tagon, li ne faris meson. Li restis enfermita en sia ĉambro kaj eĉ ne kuraĝis promeni en sia fruktejo.

Sed, la sekvantan tagon, oni venis peti ke li sanktoleu malsanulon en la vilaĝeto Clos-Moussu (Klo-Musü).

— Sinjoro Pastro ne revenis, diris la servistino.

— Scolastique eraras, jen estas mi, diris la abato.

***

Revenante el Clos-Moussu, li renkontis unu el siaj plej piemaj parohanoj :

— Nu ! Sinjoro Pastro, ĉu vi faris feliĉan vojaĝon ?

La abato mensogis denove :

— Bonegan ! mia amiko, bonegan !

— Kaj la sonorilo ?

La abato ree mensogis.

— Belega, mia amiko, belega ! Oni povus diri ke ĝi estas farita nur el arĝento. Kia bela sonoro ! Kiam oni ĝin nur ekfrapas per ungbato ĝi sonoras tiel longe ke ĝi ne ĉesas plu.

— Kiam ni vidos ĝin ?

— Baldaŭ, mia kara infano, baldaŭ. Sed, antaŭe, estas necese engravurigi en ĝia metalo ĝian baptonomon, la nomojn de ĝiaj gebaptopatroj kaj kelkajn pecetojn el la Sanktaj Skriboj. Kaj,... tio postulas iom da tempo.

***

— Scolastique, diris la abato reenirante hejmen, se oni vendus la seĝegon, la horloĝon kaj la ŝrankon kiuj estas en mia ĉambro, ĉu vi kredas ke oni ricevus kiel vendoprezon kvarcent frankojn ?

— Oni ricevus apenaŭ tridek frankojn, ĉar, ne ofendante mian respekton al vi, via tuta meblaro ne valoras dudek centimojn.

— Scolastique, respondis la abato, de nun mi ne manĝos plu viandon. La viando malsanigas min.

— Sinjoro Pastro, diris la maljuna servistino, ĉio tio ĉi estas tre stranga. De l'tago kiam vi iris al Pont-l'Archevêque, io vin turmentas. Kio okazis al vi ?

Ŝi tiel tedis lin per demandoj ke, fine, li rakontis ĉion.

— Ha ! ŝi diris, tio ne mirigas min. Via korboneco vin pereigos certe. Tamen ne maltrankviliĝu, sinjoro

Pastro. Mi prenas sur min la klarigon de l'afero ĝis vi estos kolektinta kvarcent aliajn frankojn.

Tiam Scolastique elpensis rakontetojn kiujn ŝi elbabiladis al ĉiu renkontita. « Oni fendis la novan sonorilon ĝin pakante kaj estis necese ĝin refandi. Kiam la sonorilo estis refandita, venis al la sinjoro Pastro la ideo ĝin sendi Rom'on por ke ĝi estu benita de la Papo... Kaj ĝi estas longa vojaĝo. »

La abato toleris ŝiajn diradojn. Sed li estis pli kaj pli malfeliĉa. Ĉar, krom la mensogoj kiujn li riproĉis al si, li sentis sin responda por la mensogoj de Scolastique, kaj, ĉio tio ĉi aldonate al la alproprigo al si de l'mono de liaj paroĥanoj, faris entute terurigan amason da pekoj. Li fleksiĝis sub tia ŝarĝo kaj, iom post iom, terkolora palaĵo anstataŭis en liaj malgrasiĝintaj vangoj la ruĝajn rozojn de lia senkulpa kaj fortika maljuneco.

***

De longe pasis la tago difinita por la solenigo de l'pastreca jubileo kaj la bapto de l'sonorilo. La vilaĝanoj de Lande-Fleurie miris pro tia prokrasto. Rakontetoj disvastiĝis. La hufforĝisto Farigoul (Farigul) rakontis ke li vidis la abaton en la akompano de malĉastulino en la ĉirkaŭaĵoj de Rosy-les-Roses, kaj li aldonis :

— Jen, mi certigas tion, li elspezis la monon de l'sonorilo kun friponulino.

Naskiĝis partio kontraŭ la inda Pastro.

Kiam li marŝadis sur la strato, ofte ĉapeloj restis sur la kapoj, kaj li aŭdis, preterirante, malamikajn murmurojn.

La malfeliĉa sanktulo estis premegita de l'riproĉoj de sia konscienco. Li estis konscia pri la graveco de

sia kulpo. Li sentis pri ĝi la plej doloran penton, tamen, spite je sia dezirego, li ne povis atingi absolutan penton.

Li bone sentis ke li faris tian senprudentan almozon per mono malpropra, kvazaŭ malgraŭ si kaj eĉ, ne havante la tempon por pripensi. Li diris al si ankaŭ ke tiu almozo povis esti, eble, por la kruda animo de l'ciganido, la plej bona koniĝo de Dio kaj la komenco de l'interna lumigado. Kaj, ĉiam, li revidadis la okulojn de l'malgranda ĉarlatanino, tiel nigrajn, tiel dolĉajn, tiel plenajn je larmoj.

Tamen la maltrankvileco de lia konscienco fariĝis neelportebla. Lia kulpo pligrandiĝis nur daŭrante la tagon, preĝinte longe, li decidis liberigi sin de sia peko konfesante ĝin publike al siaj parohanoj.



La sekvantan dimanĉon, li suriris la predikan seĝegon kaj, de nobla interna batalado, pli pala, pli rigidigita ol la kristanoj en la areno, li komencis :

— Miaj karaj fratoj, miaj karaj amikoj, miaj karaj infanoj, mi havas konfeson por fari al vi...

En tiu ĉi momento, sonoro hela, fluida, arĝentsona ekflugis el la sonorilejo kaj plenigis la malnovan preĝejon. Ciuj kapoj returniĝis kaj mallaŭta interparoladeto trakuris la benkojn de l'fideluloj ekmiregintaj.

« La nova sonorilo ! La nova sonorilo ! »



Ĉu miraklo ! Ĉu Dio alportigis la novan sonorilon per siaj anĝeloj por savi la honoron de sia malavara servisto ?

Aŭ, ĉu Scolastique konfesis la embarason de sia

maljuna mastro al tiuj du Amerikaninoj — vi bone scias, Suzy kaj Bettina Perceval (Suzi kaj Betina Perseval) kiuj loĝis en tiel bela kastelo je sep kilometroj de Lande-Fleurie? — kaj ĉu tiuj ĉi malavaraj sinjorinoj volis tiel agrable surprizi la abaton Corentin?

Laŭ mi, la dua klarigo estas malpli kredinda ol la unua.

Kio ajn estas, la loĝantoj de Lande-Fleurie neniam eksciis kion la abato havis por konfesi.

Kun la permeso de l'autoro tradukis L. B.



# La ne atendita donaco

Kristnaska rakonto de J.-H. ROSNY.



La alproksimiĝado de Kristnasko, diris Linejo, min litere frenezigas. Ĉio, kion plej ditirambe skribis pri tiu ĉi tago la francaj kaj anglaj rakontistoj, ne egalas mian entuziasmon. La periodo de feliĉo komenciĝas por mi la 24an de decembro vespere kaj daŭriĝas ĝis la vespero postmorgaŭa. Dum tiuj ĉi ravaj horoj, mi ne scias rifuzi ion al iu ajn; mi pardonus la ofendojn al la plej kruelaj el miaj malamikoj. Kredu ke tio ne estas senkaŭza. Malmulte da homoj havis dum la infaneco pli belajn kristnaskajn donacojn ol mi; neniu el centmilionoj da homoj havis similan al tiu kiu okazis al mi, kiam mi estis dudek-kvin-jara.

En tiu epoko mi estis baldaŭ fianĉiĝonta kun Ĵaklino Kajlus', junulino, kiu ricevis de la naturo la vizaĝon plej kapablan plaĉi al mi. Ŝi estis blonda kiel la ondinoj (ondaj diinoj), brilega kiel fruktejo en la printempo, kun okuloj en kiuj alterne rebriladis la laga bluo kaj la ĉiela bluo; plie ŝia ĉarmo tiel dolĉa, tiel ekscitiĝema estis spi-

cita per iom da delikata petoleco. En ĉio kio koncernas la amon, mi estas simplulo. Mia revo estas varmega sed difinita : mi devis ekami nur unufoje. Vivadi, flanko ĉe flanko, kun Ĵaklino, ebriiĝi per la ritmo de ŝiaj gestoj, maljuniĝi kviete inter ŝi kaj niaj idoj, ha ! mi ne imagis pli belan sorton. Tiun ĉi feliĉon mi estis baldaŭ ĝuonta. Ni interdecidis ke la fianĉiĝo estos anoncita en la festeno de l'Kristnaska nokto, la 24an de decembro 1895, en la kastelo de Vinerol', kie la Kajlus'oj loĝis ĝis la vintromezo... Jes, mi estis baldaŭ ĝuonta tiun feliĉon. Sed ĝi estas forprenita de mi. Mia patro, senspertulo en negocoj, estis, kiel tiom da aliaj, komisiinta konfidaton por pruntedoni kaj fruktigi sian monon. Mi devas aldiri ke, tiel agante, li sekvis familiam tradicion. De tri generacioj, la banko Torelo kaj Kio regadis nian patrohavon. Kaŝe de ĉiuj, la lasta reprezentanto de la firmo Torelo fosadis sian propran pereon. La 22an de decembro, la fariĝo ektondris. Oni trovis Torelon memmortigitan per la ciana acido. Oni sciiĝis ke la « passivo », kiel la negocistoj parolas, tute englutas la « aktivon ». Al ni nur restis kelkaj patrobienoj, por malriĉe vivadi en la kamparo..... Kaj mi ne devis plu pensi pri la fianciĝo ! Sendube la gesinjoroj Kajlus ne estis avidaj, ili tamen estis ŝatantoj de la dota egalpezo. Petro Kajlus, kvankam estante simplamora, neprofitema, eĉ donema, kredis ke patro devas zorgi pri la estonteco de siaj idoj. Miaj gepatroj kaj mi mem trovis tion tre ĝusta; mi iris do al la kastelo de Vinerol', kun koro premata de malespero, por anonci nian pereon, kaj liberigi la gesinjorojn Kajlus de ilia promeso. Oni akceptis min tre simpatie. Sinjoro Kajlus precipe vidigis sin dolore tuŝita de nia malfeliĉo : liaj okuloj malsekiĝis de larmoj. Tamen, kiam mi diris ke mi venas

por malligi lin de la farita promeso, li nenion kontraŭdiris. Efektive li nur ekpremis al mi la manon, kvazaŭ por atesti sian aprobon kaj kompaton, kaj tia respondo ŝajnis al mi pli delikata ol vanaj frazoj.

Tamen li petis ke mi restu en la kastelo ĝis la mateno de Kristnasko. Mi tiel vive deziris esti ankoraŭ kelktempe apud Ĵaklino, antaŭ ol foriĝi de ŝi senrevene, ke mi ne sentis en mi la forton por rifuzi. Tio estis du teruraj kaj samtempe dolĉaj tagoj. La malĝojo de Ĵaklino duobligis la mian. Ŝiaj palpebroj estis ĉifetitaj de larmoj, la lipoj kuntiritaj de maldolĉa doloro, kaj, multfoje en la tago, ŝi subite ekploregadis.

Oni ne permesis ke ni aparte interparoladu; sed ni povis vidi unu la alian kaj interŝanĝi laŭvole pasiajn kaj malĝojegajn rigardojn.

La festeno precipe estis enuiga. Tie ĉeestis kelkaj kamparo-najbaroj, homoj simplaj, babilemaj kaj krudaj, kies gajeco estis tre laciga. Ili kondamnis nin suferi, dum tri horoj, siajn spritaĵojn. Fine, ili foriris iom post la noktomezo.

Sinjoro Kajlus' ne permesis ke mi tuj eliru por kuŝiĝi. Li estis iom ekscitita per la ĉampana vino. Li aperigis vivegecon kiu, en alia okazo, ŝajnus al mi ĉarma; — ĉar li estas spritulo, — sed kiu en la momento pliigis mian suferon. Fine li ŝajniĝis kvazaŭ li volas apartiĝi. Sed antaŭe li demandis : Ĉu ĉiu metis la ŝuojn en la kamenon? Ĝi estis ĉe li kutimego : li nepre volis ke ĉiuj kiuj pasigis la Kristnaskan nokton en la kastelo, grandaĝuloj kaj junuloj, gastoj kaj servistoj obeu la centjaran kutimon. Li mem konformiĝis al ĝi. Li do devigis min meti en la kamenon paron da ŝuoj (tio estis pezaj piedvestoj por la marŝado). Nur tiam li lasis min libera.

Mi pasigis malbonegan nokton. Eĉ se mi atendus la mortan horon, mia malespero ne estus eble pli terurega. Ĉu efektive ne estis por mi preskaŭ morto la disiĝo por ĉiam de Ĵaklino, kun kiu mi faris tiom da ĉarmaj revoj, kun kiu mi estis certa, tri tagojn antaŭe, ke mi finos mian teran migradon? Mi ne scias kiel, mi fine endormiĝis. Estas io certa, ke plene tragiĝis, kiam mi ekmalfermis la okulojn. Rapide mi zorgis pri mia tualeto, kaj malsupreniris en la vastegan manĝoĉambron de Vinerol'. La familio Kajlus' jam troviĝis tie de kelkatempo. Mi interŝanĝis la matenan saluton kun la Gesinjoroj Kajlus, kaj kisis la infanojn ekmirege starantajn antaŭ la mirindaĵoj alvenintaj tra la kameno. Ilia ĝojo min doloris. Mi turnis melankolian rigardon al la amatino, kaj je la memoriĝo de l'rava Kristnasko de 1894, mi sentis ke mi preskaŭ svenas.

— Nu! ekkriis sinjoro Kajlus' kun neĝustatempa gajeco, oni ne demandas pri tio kion Kristnasko enmetis en la ŝuojn?

Mi mallevis la okulojn al la kameno, kaj mi ne vidis tie postsignon de miaj ŝuoj. Sinjoro Kajlus ridetis; Ĵaklino staris rozkolora kaj kvazaŭ timigita. Subite ekbrilis al mi kiel blindiga fulmo. Sub la jupo de Ĵaklino aperis dika boteto, kiu ŝanceliĝas kaj turnevolviĝas ĉirkaŭ la delikata piedo.

Mi restis konsternita kun la nedifinita sento de ia ŝercaĵo kaj ankaŭ kun la instinkta diveno de io grava kaj decidiga. Mi aŭdis la voĉon de sinjoro Kajlus' kvazaŭ en sonĝo :

— Nu! Ĉu la loto ne kontentigas vin?

Mi pensis ke mi freneziĝas. Supernatura ĝojo superverŝis min; mia koro ruliĝis simile al akvo torenta kontraŭ la ŝtonoj... Mi aliris ŝanceliĝante al Ĵaklino...

la blonda kapeto kliniĝis sur mian ŝultron, kaj ni ekploris pro feliĉo... Poste mi ĵetis min sur sinjoron Kajlus', kies maljunan vizaĝon mi kovris per kisoj :

— Bone! bone! diris la bonega homo... konfesu ke, se la ŝercaĵo povas esti pli sprita, ĝi ne povas esti pli bona!

Kun la permeso de l'aŭtoro tradukis F. L.



## Hermengarde

Novelo de JULES LEMAITRE.



La vicgrafo de Bonnereuil — maljuna nobelo sensignifa sed malkontenta, — la vicgrafino, melankolia kaj piema kaj iliaj tri filinoj : la unuenaskita Hermengarde, bela kaj fiera, la du pli junaj, Anna kaj Katerina, plaĉantaj kaj vivoplenaj, okupis ĉe siaj gekuzoj, la Signerol'oj, la situacion malfacilan de malriĉaj parencoj.

La malriĉaj parencoj! Ĝi ne estas gento tre malofta en la kvartalo Saint-Germain, en kies mondo ricaĵoj malkreiĝas senmanke ĉiutage sed, preskaŭ neniam reboniĝas, se ne per edzoligiĝoj kun bankieroj aŭ industriistoj. Oni ne povas pretendi ke tiuj edziĝoj estas ordinaraj, tamen ili ne estas en konstanta kutim(…)

La tuta familio penegis subtenadi, tiel bone kiel eble, tiun ĉi malbonvenintan vicgrafon, lian edzinon kaj liajn filinojn. La markizo de Bonnereuil liveris en sia malnova domego (klasika hotelo en la fundo de la korto kun larĝa perono, ŝtona ŝtuparo kaj altaj fenestroj) subtegmentan loĝejon, tamen tre konvenan kaj eĉ

havantan sufiĉe belan ŝajnon — veran loĝejon por kadeto. — Li donis plie lignon kaj lumon. La markizino, en ĉiu sezono, pagis la vestaĵojn por la tri fratinoj. Aliaj parencoj donacis al tiuj ĉi knabinetoj, en ilia naskotago, kelkajn bankajn biletojn de cent frankoj por ilia tualeto kaj iliaj laŭvolaj elspezoj. Mi forgesas multajn aliajn profitojn, ĉar la Bonnereuil'oj estis iom postulemaj. Ili postulemetis nekomune sed tre inde, kiel personoj opiniantaj ke la konveneco de ilia vivado ekstera interesas ĉiujn kvartalanojn kaj etendantaj la manon en la nomo de principo. Kaj ili tiel vivadis, per iliaj kvin mil frankoj da ĉiujara enspezo plimultigitaj per almenaŭ egalaj okazaj donacoj; per unu vorto, sufiĉe komforte, sed furiozege, kun mienoj protestantaj kaj vizaĝoj ĉiam malkontentaj.

***

Ho ve! La vundoj neniam mankas kiam oni ilin serĉas! Ili suferis pro la lukso kaj la grandsinjora vivado de siaj riĉegaj gekuzoj. La Signerol'oj estis bonaj por ili, ilin invitadis al siaj intimaj matenmanĝoj kaj preskaŭ ĉiuj vesperkunvenoj. Tamen la tri fratinoj ne povis montri tie novajn vestaĵojn tiel ofte kiel ili deziris, kaj tio ilin ĉagrenegis. Kiam ili revenadis de pieda promenado en la horo de l'vizitoj, la vico da kaleŝoj ĉe l'pordo de l'hotelo kaj, sur la vastega ŝtuparo, la intertuŝiĝoj de l'elegantaĵoj — kiuj estis al ili malpermesitaj, kvankam tiuj elegantaĵoj estas nepre aferoj de ilia mondo — enversadis en iliajn korojn malgajecon kaj venĝemon. Kelkfoje, kredante fari plezuron al ili, la markizino liveris la kaleŝon por promeni en la « arbareto » kun la Signerolidoj — du knaboj havantaj brunetajn tibiviandojn kaj grandajn blankajn kolumojn — kaj, tiam,

la tri fratinoj timetis ke oni ilin prenos por iliaj instruistinoj. Per unu vorto, ĉiu el la bonaj faroj de iliaj gekuzoj rezultigis nur rememorigadon pri ilia stato de malriĉaj parencoj.

Aldonu al tio ke, reveninte hejmen, ili devis suferi la malbonan humoron de sia patro. Per oftaj aludoj, per siaj plej sensignifaj gestoj, per sia tuta sintenado li riproĉadis ilin ke ili ne estas fraŭloj. La naskiĝo de tiuj tri filinoj estis por li triobla trompiĝo kaj ŝajnis triobla malfeliĉego. Filon! se li havus filon!

Cetere, li konfesis senĝene antaŭ siaj filinoj, ke unu filo ilin eltirus el la mizero. Filo povas edziĝi je fraŭlino de klaso malsupra — profite — eltrovi en la bankieraro aŭ la komercistaro ian riĉan heredontulinon, vendi kare sian nomon — ĉar oni ĝin vendas kaj eĉ, oni multege honoras tiujn kiuj ĝin aĉetas. — Sed, kio fariĝos tri filinoj nedotitaj, se ne tri maljunaj fraŭlinoj aŭ tri monaĥinoj?

La plej maljuna Hermengarde engravuris en sin, iom post iom, tiujn parolojn. Ŝi komprenis ilian ĝustecon. Ŝi estis persono energia, bruna, fiere bela, tre decidita mordi de l'vivo, ekĝui ĝin laŭ la bontrovo, kiel ŝi povus. Ŝajnis kvazaŭ revivus en ŝi sub ŝia gracieco de juna zorgata knabino kaj sub la tre maldika lako de edukado ĉe l'*Sankta koro* (1), la energio batalema kaj kruda de la plej antikvaj prapatroj de ŝia gento.

Ŝia malriĉeco indignigis ŝin. Kio estas nur la nomo? Ĉu la vera nobelo ne estis, unue, tiu kiu sciis preni kaj konservi? Se nomo estas komercaĵo, kial ŝi ne

---

(1) Gimnazio kie monaĥinoj instruas kaj edukas precipe nobelidajn fraŭlinojn. (Rimarko de l'tradukinto.)

vendus la sian (ĉar la nomo de l'edzino alligiĝas kutime al tiu de l'edzo)? Kial ŝi ne vendus la oportunaĵojn kiujn enhavas ŝia naskiĝo, ŝia parencaro, ŝiaj interrilatoj? Nedubeble, profiti el tio ĉi estas pli malfacile por fraŭlino ol por fraŭlo. Sed kion kostos serĉi?

Kaj ŝi serĉis.

*
* *

Ĉirkaŭ la sama tempo, Ernest Foussard, negocisto esence « nuntempa », bone konata de ĉiuj Parizanoj, posedanto de unu sukerorafinejo, de du fabrikoj de ostpulvoro, de tri gazetoj kaj de kvar koncertkafejoj, konstatis, kalkulinte sian inventarion, ke li atingis sian dudekan milionon. Edziĝinte je eksdommastrino de Family-Hotel, havante ian havon kaj restinte vidvo ankoraŭ tre juna, li ne tuj pensis reedziĝi, opiniante ke viro, — fraŭlo aŭ vidvo, — ne havante edzinon povas pli facile uzadi ĉiujn virinojn. Sed, nun, kiam li estas riciĝinta, havas ĉion : hotelon en Parizo, galerion de pentraĵoj, kastelon historian en provinco, estas elektita de l'konservativuloj kiel deputato en la lasta elektado kaj estas preskaŭ kvindekjara, tiam al li venis la ideo edziĝi je virino kiu alportus al li la solan ne havatan aferon : eminentan nomon por aldoni (kun la permeso de l'Regna konsilo) al tiu de Foussard, kaj — frue aŭ malfrue, post kontraŭbataloj kiujn li antaŭvidas kaj kiujn li preskaŭ antaŭaprobas — lian akceptadon en la misteran kaj ne alireblan mondon de l'kvartalo Saint-Germain.

*
* *

Sed, tre serĉinte, Hermengarde de Bonnereuil kaj Ernest Foussard renkontis unu la alian.

La unuan fojon, en salono de vendado por almozuloj,

kie li pagis mil frankojn por paro da manumbutonoj. (Li antaŭe informiĝis kaj sciiĝis ke tiu belulino posedas nur sian eminentan nomon kaj siajn grandajn okulojn.)

Post kelkaj tagoj li sendis al la bela vendintino kvincent kilogramojn da sukero kaj dikan paketon da vestaĵoj kaj da tolaĵaro... « por ŝiaj mizeruloj ».

La vicgrafo lin dankis skribe.

En la sekvanta semajno, Foussard sin prezentis sentime ĉe la Bonnereuil'oj.

Li estis akceptita.

Li revenis.

Mi mallongigas.



Ernest Foussard kaj Hermengarde de Bonnereuil komprenis unu la alian tuj. Ili ludis ambaŭ, kun sufiĉe da singardemo kaj seriozeco, la konvenan komedion.

Foussard plaĉis al la vicgrafo pro la neteco de siaj opinioj imperiaj kaj allogis la vicgrafinon pro la neteco de siaj opinioj religiaj.

Post tri semajnoj, li prezentis sian peton pri edziĝo. La vicgrafo montris grandan indecon.

— Sinjoro, li diris, mi bedaŭras ke vi havis la malprudentecon elparoli deziresprimon al kiu niaj principoj devigas nin kontraŭmeti la plej plenan rifuzon. Mi bedaŭras, mi diras, ĉar mi havis simpation al vi.

— Almenaŭ, respondis Foussard, faru al mi favoron. Bonvolu komuniki mian edziĝopeton al fraŭlino Hermengarde. Se ŝi rifuzos — ŝi ankaŭ - mia doloro estos profunda, sed, ĉar mi certigos tiam, ke, ne restas al mi ia espero, mi havos pli multe da energio por venki tiun doloran amon kaj, min subtenos la ideo ke mi obeas al ŝi — al ŝi sole.

— Sinjoro, diris la vicgrafo, en via koro estas nobeleco kaj, tiaj paroloj elaperigas sufiĉe la delikatecon de viaj sentoj.

Kiam la vicgrafo sciigis la motivon de l'vizito de Foussard, Hermengarde ekdiris tute simple:

— Fine!

Kaj ŝi aldonis:

— Kiel mirigitaj estos la Signerol'oj!

— Vi do akceptas? demandis la patro.

— Ĉu mi akceptas? Min tedas la malriĉego. Cetere, ni priparolu prudente. Ĉu, tiun ĉi jaron mem, nia kuzo Sillery, la malgranda princo de Castelfidaro kaj la maljuna grafo de Artenay ne edziĝis je tri hebreinoj?

— Tio ne estas la sama afero, diris la patrino.

— He! respondis Hermengarde, Foussard estos grafo de l'Papo tuj kiam li volos, kiam plaĉo al li, li estos laŭ la leĝo Foussard de Bonnereuil, atendante ke li detranĉu Foussard'on por mallongigi kaj por plifaciligi la elparoladon. Vi scias tion tiel bone kiel mi.

— Kaj, se mi malkonsentus? diris la vicgrafo.

— Mi estas dudekdu-jara, kara patro mia, mi influos dolĉe vian decidon kaj, mi vin konas, vi tiel amas vian filinon ke vi ne kuraĝos ŝin ekmalami.

— Filino mia, vi mirigas min kaj treege ĉagrenas min.

— Vi ne parolas kiel fraŭlino de via mondo, aldonis la vicgrafino.

Malgraŭ tio, la vicgrafo skribis al Ernest Foussard la sekvantan:

« Sinjoro, mi estas devigata vin sciigi ke, je mia granda surprizo, mia filino akceptas favore vian edziĝopeton. Mi konfesas ke mi kontraŭbatalis ŝian decidon per ĉiuj miaj fortoj, sed la sentoj, kiujn

prosperis al vi inspiri al ŝi, estas tiaj, ke ŝi diras ke ŝi estas preta uzi, se estos bezone, la rimedojn leĝajn. Jen estas la situacio ! Mi vin petas doni al patro dolore subpremita, la tempon por pripensi. »

***

Kiam la vicgrafo sciigis al Signerol'oj la motivon de l'vizito de Foussard kaj la respondon de Hermengarde, la geinarkizoj laŭte kriis. Ili decidis ke la sola ideo de tia edziĝo estas hontiga por nobelo. La vicgrafo konsentis plene kun ili. Tamen ili transpasis la limon. Ili certigis ke ili ne toleros ke tiu Foussard, tiu malnobelo, tiu malestimindulo, preteriru, unu fojon ankoraŭ, la pordon de l'domego. La vicgrafo protestis kontraŭ tia severegeco. Ili interŝanĝis vortojn ofendajn. La vicgrafo eliris subite, kolera kaj inda. La morgaŭan tagon li ŝanĝis sian loĝejon, ne dirante eĉ unu vorton, kaj ekloĝis kun sia edzino kaj siaj filinoj en malgranda loĝejo de l'strato Bac.

***

Estis konsterno en la tuta kvartalo Saint-Germain. Ĝi ne estis ja la unua malnobligo ! Sed, certe, estis tro da ili en la lastaj jaroj. Poste, tiu ĉi estas vere tro rimarkebla. Foussard estis aparte malestimata. Li rememorigis pri la mono nehonesta, la mono malpura, amasita per rimedoj vere tro « nuntempaj ».

Tia edziĝo esprimis kun klareco vere tro aroganta, ke la mono estas ĉiopova, ke ĉio estas vendebla kaj ke, la plej malŝatata komercisto edziĝos tiel same kiel Rohan'ano aŭ Montmorency'ano, se nur li pagos sufiĉe kare. Se almenaŭ Foussard estus homo scianta agadi senbrue, kaŝi sian feliĉon ! Sed, oni bone sentas ke li

ĝin disdiros tambure, ke li ĝin kriegos super ĉiuj tegmentoj de l'reklamo, ke li ĝin surskribos sur la lumaj vitroj de l'gazetvendejoj kaj sur ĉiuj neuzitaj flankoj stacidomaj de l'fervojo cirkaŭanta Pariz'on. Jam tri gazetoj publikigis la aferon per grandaj literoj diafanaj — kiel ludkartoj malĉaŝtaj.

Maljunaj nobelinoj suprenrampis la kvin etaĝojn de l'Bonnereuil'oj ; dum tutaj horoj ili riproĉis Hermengard'on vice kortuŝite aŭ indignante, uzante minacojn aŭ petegojn. Ŝi estis nefleksebla.

Unu el la religiuloj plej ŝatindaj de l'kvartalo : lia Moŝto de Sainte-Amarante veninte al Hermengarde admonis siavice la junan ribelantinon.

Li nur igis ŝin diri tiujn ĉi vortojn :

« Oni ne volas ke mi vendu mian nomon ! Nu ! Kio estas vendebla estas ree aĉetebla ! »



Kredeble la honorinda Patro komprenis tiun misteran parolon, ĉar li tuj interparolis iom longe kun la vicgrafo. Oni ne scias ĝuste kiajn parolojn ili interŝanĝis, sed, kiam la vicgrafo akompanis sian vizitanton ĝis sia modesta ŝtuparplaceto, la respektinda Patro al li diris, iom mallaŭtigante sian voĉon :

— Ni resumu, via vicgrafa Moŝto. Ni diris : pensio ĉiujara de 40,000 frankoj el kiuj 20,000 frankoj por vi kaj viaj du karaj lastenaskitaj filinoj, kondiĉe ke ili edziniĝu nur je viroj de sia klaso, kaj 20,000 frankoj por Hermengarde sub la sama kondiĉo. Estas bone difinite. Mi prenas sur min la komunikadon de via propono al la gemarkizoj Signerol kaj al aliaj personoj kiuj intersiĝas je tio.

La propono estis akceptita. Lia Patra Moŝto de

Sainte-Amarante disportadis en la stratojn Varennes, Saint-Dominique kaj Barbey de Jouy, ion en la speco de registro monofera por la pensio Bonnereuil. Mokemuloj nomis tiun monokolekton « la monokolekto por la parencoj malriĉaj ». Tamen la registro estis baldaŭ plenigita, ĉar la memestimo enmiksiĝis kvazaŭ la sumo de ciu monofero estus la mezuro de l'nobeleco de ĉiu monoferanto kaj de l' pureco de lia sango. Familioj havantaj nur modestan havon — el tiuj kiuj per tridek mil frankoj da ĉiujara enspezo scias vivadi preskaŭ grandsinjore kaj eĉ havante luksan ŝajnon en sia prapatra kastelo — iom senigis sin.

Sed, la monofero de l'kavaliro d'Outarville estis certe la plej laŭdinda.

***

La kavaliro d'Outarville estas la lasta kavaliro kiun oni vidis. Kompreneble li estis paĝio de Karolo X. Li estis maljunulo pureta, kun antikva ĝentileco, plena je antaŭjuĝoj kaj tre sinforgesema.

Li vivadis per tre malgranda rento kun maljuna servisto — Kaleb (1) blankahara, tute respektinda.

Vespere kiam, okaze, la kavaliro ne estis invitita kaj, ĉe si, manĝis buljonon kaj bovoviandon, li diris laŭte.

— Okazas nun aferoj... Tiu malgranda Hermengarde de Bonnereuil... En mia tempo...

Joseph aprobis respekte ekskuante la kapon silente.

La kavaliro diris :

— Malhelpi tian malhonoriĝon estas vere bela faro. Kiom mi bedaŭras ke mi ne povas partopreni en la

(1) Persono el la « Fiancino de Lamermoor », modelo de servisto fidela kaj sindonema.

monofero! Sed, ni ne estas sufiĉe riĉaj, mia bona Joseph.

Plena je inda malĝojo, la kavaliro manĝetis distre.

Tiun vesperon, la vespermanĝo ne daŭris longe. Tiel malesperigita kiel lia mastro, Joseph ŝajnis profunde mediti.

Poste, la morgaŭan tagon, alportante al la kavaliro tason da ĉokolado, la maljuna servisto estis preskaŭ gaja.

— Via kavalira Moŝto rekvietiĝu, li diris. Mi kalkulis. Per ordo kaj hejma ekonomio forprenante iom el ĉio, leviĝante pli frue por iri en la bazaron, ni povas ŝpari kvindek frankojn ĉiumonate. Kaj mi promesas al sinjoro kavaliro ke sinjoro kavaliro ne tro rimarkos tion.

***

Ernest Foussard ricevis de la vicgrafo de Bonnereuil la sekvantan leteron:

« Sinjoro! Dediĉinte al la plej seriozaj pripensadoj la intertempon kiun mi petis ke vi bonvolu lasi al mi, mi havas la ĉagrenon vin sciigi ke mia filino rifuzas fari al via demando la akcepton kiun ŝi dezirus. Ni ŝancelis, tiom da estimo inspiris al ni via karaktero; sed, ni estas fine devigataj konfesi ke estas principoj pli potencaj ol ĉio, kaj al kiuj ni nepre devas obei. Tion vi komprenos, ĉar tiuj principoj estas efektive la viaj, kaj vi aprobos ke ni dolore cedu al ili. Kredu cetere... »

La honoro de l'kvartalo estis savita.

Kun la permeso de l'aŭtoro tradukis L. B.



# Patrino Sankta-Agato

Novelo de JULES LEMAITRE.



Tio komenciĝis en la plej simpla maniero, diris al mi mia amiko Maksimo Berthier (Bertie). En la lasta septembro, mi forveturis al mia familio, apud Orléans, por pasigi tie dek-kvinon da tagoj. Nia kampara najbarino, sinjorino Aŭbraj', bonega kaj tre pia maljunulino, estis alpreninta al si, por la libera tempo, dek-sesjaran orfinon, edukatan en monaĥejo de dominikaninoj, en la ĉirkaŭaĵoj de Tours (Tur'). Sinjorino Aubraj' estis amikino de la religiulinoj, kaj tiuj ĉi bonaj fraŭlinoj komisiis al ŝi la monaĥineton, por ke tiu ĉi iom distriĝu kaj havu, ŝi ankaŭ, la iluzion ke ŝi ĝuas la libertempajn monatojn, kiel la ceteraj infanoj.

Miaj gepatroj ofte vizitadis sian maljunan najbarinon, kaj eĉ pasigadis la vesperon ĉe ŝi. En la unua tempo mi ne multe atentis ŝian akompanantinon : Ŝi estis tiel malgranda, tiel modesta kaj tiel malmulte bruanta ! Sed ian tagon, estis elparolita antaŭ mi ŝia nomo, nomo, kiu ŝajnis al mi tre beleta : Lydie de Frégeneuilles (Lidio de Freĵenejo). De tiam mi ekrigardis ŝin pli atente kaj mi rimarkis ke ŝi estas delikata, rozkolora,

blonda, kun grandaj nigraj okuloj, ĉiam timigitaj. Ŝi portis la edukatinan kostumon, robon kaj manteleton nigrajn, kaj, por iri eksteren, blankan, pajlan ĉapelon kun bluaj rubandoj.

Mi ekvolis igi ŝin iom babili. Ŝi estis tre timema, parolis nur kun videbla ĝeniĝo kaj preskaŭ neniam finis la frazojn. Tamen kortuŝiĝante ŝi parolis kun mi pri « patrino Sankta-Agato (1) », maljuna religiulino kredeble (ili estas la plej bonaj), kiu ŝin alprenis tute junan, kaj ĉiam amis, flegis, dorlotis patrine. Patrino Sankta-Agato estas « generala majstrino » en la pensio; patrino Sankta-Agato estas altranga; patrino Sankta-Agato estas sprita; patrino Sankta-Agato scias la muzikon, la desegnarton; ŝi aranĝas en la monaĥejo la procesiojn kaj la teatrajn prezentadojn; patrino Sankta-Agato povus fariĝi generala estrino de la Ordeno, se ŝi volus. Per unu vorto, nenio superas patrinon Sanktan-Agaton. Mi ricevis altan ideon pri tiuĉi respektinda religiulino.

Jafoje dum la vespero mi laŭte legadis. Tiam mi rimarkadis ke fraŭlino de Frejenejo ne forlasas min per la okuloj, kaj ne scias kien rifuĝi, kiam ŝi renkontas la miajn. Tio faris al mi plezuron, tamen ne maltrankviligante min alie.

La antaŭtagon de mia forveturo, mi etendis al ŝi la manon. Sentime ŝi metis en ĝin sian maneton, kaj, ĉar ni estis iom aparte de la « prapatroj », ŝi tiom kuraĝiĝis ke ŝi diris al mi :

— Ĉu ni revidos unu la alian, sinjoro ?

— Fraŭlino, mi ja esperas tion.

(1) Oni nomas ordinare la religiulinojn « patrino aŭ fratino ».

— Ilo ! Ŝi diris malgaje, tio estos tre malfacile. Post unu jaro, eble...

Reveninte Parizon, mi pensadis nur pri la juna monaĥineto. Vera knabino, efektiva naivulino, kovita sub la patrina flugilo, en provinca angulo, estas ja ĉarma : sed kiom estas ankoraŭ pli ĉarmoplena kaj pli malofta knabineto eksklusive edukita de religiulinoj, edukatino, kiu neniam vidis alian domon krom blanka kaj gaja monaĥejo en Turen' (1) ! Havi animon tute freŝan, tute infanan, tute malkleran, por ĝin karesi kaj mole knedi, kia revo ! Plie mi eksentis kompaton al tiu mizera junulino sen parencoj, sen hejmo, kiu nur konis la virgan kaj malvarman patrinecon de la bonaj « fratinoj », kaj kiun mi vidis, ĉe la maljuna sinjorino, tiel timeman kaj ĉirkaŭjetantan tiel grandajn okulojn mirantajn. Vere estus bona faro ŝin alpreni, revarmigi, al ŝi liveri familion : kaj ĝi estus bona faro mirinde agrabla al tiu kiu ĝin entreprenus ! Kiom ŝi amus sian edzon ! Certe li estus ĉio por ŝi, doninte ĉion al ŝi.

Jen pro kio, ian tagon, mi subite ekfalis ĉe miajn gepatrojn : « Mi estas dudek-kvin-jara, mi enuas, mi volas edziĝi , mi trovis ! — Kiu do ? — Fraŭlino de Freĵenejo. — Sed.., sed... » Mi forpelis ĉiujn iliajn kontraŭparolojn, kaj ne permesis ke ili ripozu unu horon. Oni rapide informiĝis : Lidio havas doton pli ol sufiĉan ; ŝia zorganto, kiu sin ne okupas je ŝi, plene fidas al la « fratinoj », por edzinigi ŝin. Fine mi puŝis mian patrinon en vagonon, veturigis ŝin ĝis Turo, kaj trenis ŝin tute spiregantan al la monaĥejo de Lidio, kie ŝi devis fari « la peton ». Oni enkondukis ŝin en la interparolejon, kaj ne kuraĝante sekvi ŝin, mi

(1) Touraine (Turen'), provinco en la centra Francujo.

restis en la ĝardeno por atendi tie la rezultaton de la vizito.

La ĝardeno estis vasta — kaj pura! pura kiel monaĥeja preĝejeto. Aleo de tilioj tiel ĝuste ordigitaj kiel altarkandeloj kondukis al teraso, kiu superstaris riveron Loire (Luar'on), kaj de kiu oni malkovris amindan pejzaĝon Turenan : inter kvietaj bordoj, sur kiuj tremetis dissemitaj poplaretoj, la blua rivero etendiĝis larĝe kiel lago, kun blondaj insuletoj kaj faskoj da bluetaj saliketoj; ĉe la horizonto vidiĝis tre longa ponto subtenita de delikataj arkaĵoj grizarĝentaj, kaj transe, vicoj da arboj ŝajne violkoloraj : ĉio ĉi tio estis tre kvieta, kun malprecizaj konturoj kaj akvarelaj nuancoj, sub ĉielo malpeza kaj paleblua.

Tiel mi analizis kaj priskribis al mi mem la pejzaĝon, por ke la tempo al mi ŝajnu malpli daŭra. Sed mi ne povis resti sur la sama loko. Mi reiris malantaŭen; poste elirinte el la tilia aleo mi ekvidis artefaritan groton kunmetitan de ŝtonegoj tre puraj, « Lurda (1) groto ». La sablo estis zorgoplene rastita, kaj oni vidis en « senarta niĉo » kolorigitan Virgulinon elstarantan en la mezo de geranioj. Tio estis eble absurda, sed tiel neta kaj tiel bone senpolvigita! Mi sidiĝis sur ĝardenan seĝon kaj petegis la diverse kolorigitan statueton, ke ĝi favorigu al mi la severan animon de l'respektinda patrino Sankta-Agato.

Ekkraketis post mi la sablo; mi returniĝis, kaj ekvidis mian patrinon alvenantan kune kun religiulino. Mi rapide kuris renkonte al ili :

---

(1) Lourdes (Lurd'), urbo en la sud-okcidenta Francujo, kie estas en groto statuo de la Virgulino kaj mirakla fonto, kiuj altiras multe da piaj turistoj.

— Nu?

— Demandu patrinon Sanktan-Agaton, al mi diris mia patrino per voĉtono, kiu tuj trankviligis min.

Kio! Tia estas patrino Sankta-Agato, kiun mi ĉiam imagis, mi ne scias kial, kiel maljunan eternulinon tute premiĝintan sub ŝia kornforma kufo, kaj ridetantan per antikva rideto, tra sennombraj sulketoj! Ŝi estis ankoraŭ juna; tridek, eble, tridek-kvin-jara, sed la jaroj konservas pli ol maljunigas la religiulinojn, kiam tiuj ĉi estas beletaj kaj tre sanktaj. La vizaĝa koloro, iom laca, estis tre blanka; la trajtoj delikataj; la nazo rekta, iom longa. Ŝi havis brilegajn dentojn sub palaj lipoj, okulojn tre helajn sed ne difinite nuancitajn. Ŝi krucigis zorgitajn manojn, kiujn larĝaj manikoj el blanka flanelo duone kaŝis, kaj, reĝe drapirite en sia robo sulkigita per grandaj faldoj, ŝi havis la mienon de sinjorino, de vera sinjorino, tre nobla kaj tre dolĉa.

Ŝi diris al mi kun iom afektita seriozeco, kiun tuj ekmoderigis la malico de senvola rideto :

— Sinjoro, mi estas, de mia flanko, favora al via peto, ĉar de longa tempo mi vin konas per mia bonega amikino, sinjorino Aubraj'. Mi demandos fraŭlinon de Freĵenejo, kaj mi havas kaŭzojn por pensi ke ŝi donos la respondon, kiun vi deziras.

La morgaŭan tagon, kiam ni eniris la interparolejon, Lidio, tute ekscitita, aperigis, ekvidante min, fulmon de ĝojo, kaj mi eksentis kvazaŭ plezuran ekbaton interne en la koro.

— Sinjoro, diris al mi patrino Sankta-Agato, via peto estas favore akceptita. La zorganto de fraŭlino de Freĵenejo, kiu estas rapidemulo, ĵus alsendis sian konsenton per telegramo. Vi povas, se tio faras al vi plezuron, kisi vian fianĉinon.

Ho! la unua kiso, preskaŭ senkorpa, nur rapida tuŝeto, spirero, nenio, — tiel dolĉa tamen! « Vi do konsentas? — Jes. — Vi estas kontenta? — Jes. — Vi min atendis? — Jes. » Tion ĉi ni parolis per voĉo tremeta, preskaŭ mallaŭta, kaj rigardante unu la alian rekte en la okulojn...

Patrino Sankta-Agato nin rigardis kun mieno plena je kvieteco kaj boneco, kun la mieno kiun ŝi ĉiam havis, laŭ kiu oni divenis ĉe ŝi ian penson solan, eternan, ĉiam miksatan al la nuna penso, kaj ankaŭ la pacon absolutan de anĝeligita animo. Ŝi sajnis sanktulino kun tiom da virina ĉarmo kiom da ĝi sanktulino povas konservi.

Oni parolis pri la dato de l'edziĝo. Oni diris ke ĝi ne okazos pli frue ol post du monatoj, ĉar oni devas pretigi la vestaĵaron de Lidio, kaj krom tio mi devas foriri en Florencon, kie komencita verko devigas min pasigi kvin aŭ ses semajnojn. Cetere, tiu prokrasto iom longdaŭra kaj eĉ tiu disiĝo ne tro ĉagrenis min. Mi ne estis malkontenta daŭrigi la fianĉiĝan ĉarmon, kaj mi estis ravita povi interŝanĝadi leterojn. Ĉar ni interŝanĝados leterojn, — dufoje en la semajno : patrino Sankta-Agato decidis ke tiel estos sufiĉe. La korespondado devos pasi tra ŝiaj manoj kaj sub ŝiaj okuloj.

La loĝado en Florenco estas unu el miaj plej agrablaj rememoroj : estis tiel bone ĝui la lumon, la kolorojn, la ensorĉadon de l'palacoj, muzeoj, havante en la koro ĉiaman kortuŝecon! Skribadi al mia amikineto estis por mi plezuro tre naiva kaj tre sincera, kiun mi amuziĝis fari plezuro artifika kaj komplika.

Mi jam ekprovis formi tiun animon infanan; mi ŝercante antaŭvidigis al ŝi ĉiujn devojn, kiujn ŝi havos por plenumi, ĉiujn disreviĝojn, kiuj eble atendas ŝin. Poste

mi penadis konatigi min al ŝi; mi priskribis, analizis min kun tute ne vera modesteco. Fine mi demandis ŝin pri ŝia estinteco, pri ŝi mem, pri ŝia karaktero, ŝiaj intencoj rilate al la estonteco, ho! ne pedante (almenaŭ laŭ mia opinio), sed per frazaj karesoj, dolĉajoj elpensitaj, spritaj delikataĵoj. Cetere, la penso ke patrino Sankta-Agato tralegos tiun korespondadon igis min prilabori miajn leterojn.

Mi opinias ke kontraŭe la sama penso paralizis la kompatindan Lidion. Ŝi respondadis al mi kiel ŝafeto, ĝentile, obeeme, mallonge. Iam, malsupre de unu el ŝiaj biletoj mi legis la jenan postkribon : « Patrino Sankta-Agato diras ke mi ne metas en miajn leterojn sufiĉe da varmo. Ha! amiko mia, mi tamen havas multe da ĝi en la koro, mi tion certigas al vi, sed eble mi estas tro knabineto por scii esprimi tion. »

Iam, mi skribis al ŝi hipokrite ke mi timas ke mi ne havas tre fortikan religian kredon, kaj ke eble mia malvarmeteco ĉagrenos ŝian piecon. Mi volis tiel havi la plezuron igi mian fianĉineton prediki al mi. Ŝi respondis al mi : « Mia amiko, tio, kion vi skribis al mi, tute ne maltrankviligas min. Vi estas tro bona por ne esti kristano. »

Mi reveturis el Italujo. Mi ne parolos pri la dolĉaj kortuŝiĝoj de l'revido, kiujn moderigis la ĉeestado, cetere agrabla kaj rideta de patrino Sankta-Agato.

La edziĝo devis okazi post ĉirkaŭ dek-kvin tagoj, kaj esti solenigita en la monaĥeja preĝejeto mem, laŭ speciala permeso de l'episkopa Moŝto.

— Mi ne scias, mi diris al Lidio, kiel redanki viajn « patrinojn ». Al mi ŝajnas ke mi vin ricevos kun pli da ĝojo kaj espero en tiu ĉi preĝejeto kie vi sendube multe preĝadis kaj vivadis. Plie tiu ĉi edziĝo, ĉe la

monaĥejo, dolĉe kunligos vian novan vivon kun via fraŭlina vivo : vi pasos de unu al la alia, ne translokiĝante ; vi estos ankoraŭ edukatino, kaj mi jam estos via edzo.

Dume, mi elektiĝis en Tours (Tur'), en hotelo, kaj ĉiutage mi iradis al la monaĥejo, en la horo kiam la edukatinoj estas en la lernoĉambro. Mi vizitadis Lidion en la malgranda interparolejo, sub la observado de patrino Sankta-Agato, kiu sidante ĉe tablo, en angulo, legis sian preĝareton, aŭ sin okupis je sia korespondado.

Tiu ĉi malgranda interparolejo estis tiel neta ! tiel blanka ! Sur la kameno, la « Virgulino » de Delaplanche (Delaplanŝ'), tenanta grandan lilion per la fino de siaj ŝpinilformaj fingroj ; sur salona mebleto pupo vestita en la monaĥeja kostumo ; ĉe la muroj « Sankta Aŭgustino kaj Sankta Moniko » de Ary Schefer (Ari' Ŝefer'), kaj la « Sanktaj virinoj » de Paul Delaroche (Pol' Delaroŝ). Tiuj ĉi figuroj, pro sia eleganteco malvarma, neta kaj kvazaŭ lekita, estis vere tie en propra hejmo. Laŭlonge de la muroj tapetitaj de blanka papero diversigita per glaciumitaj floroj, staris ordigite seĝegoj kovritaj de iom paliĝinta tapeto delikate stebita, kaj grandaj kurtenoj el blanka muslino simetrie sublevetitaj enkadrigis la altajn fenestrojn. Kun sia pinta kufo krude blanka kaj sia robo pli kviete blanka, patrino Sankta-Agato estis vere la sinjorino kiu konvenis por tiu ĉi pala kaj blanka salono.

Mi estis feliĉa, mi multe paroladis, mi rakontadis mian vojaĝon. Aŭ mi demandadis Lidion. Ĉu ŝi estas la plej prudenta el la edukatejo ? Ĉu ŝi akiradas biletojn de kontentigo ? Kiaj estas la nomoj de ŝiaj amikinoj ? Mi sciiĝis ke, la pasintan jaron, en la festa tago de Sankta Dominikino, estis ludita en la monaĥejo la « Josef' » de Mehul', ĉu ne estas mirinde ? Kaj ke Lidio kantis tie la

rolon de l'ministro de Faraono, kun granda nigra barbo.

Sed ofte Lidio, ĝenite de la ĉeestado de la « fratino », kiu, mi ne scias pro kio, ne tute estis al mi malagrabla, respondadis je miaj demandoj : « Demandu patrinon Sanktan-Agaton ? » Tial ke mi paroladis multe pli kun la religiulino ol kun mia fianĉino.

Ho ! patrino Sankta-Agato kaj mi, ni tre bone konsentis. Ŝi estis komisiata fari la kurson de franca literaturo ĉe la « granda klaso ». Ni interparoladis pri instruado, ni disputadis pri la novaj metodoj. Ŝi estis tre inteligenta, kaj ne multe kredis je la efikeco de l'programoj nek je la neceso scii tiom da ĥimio. Iam mi sciiĝis, ke, estante ankoraŭ tre juna, ŝi vidis ofte kaj perfekte konis patron Lacordaire (Lakorder') kaj la grafon de Montalembert' : kaj kiam ŝi estis ekparolinta pri tiu ĉi temo, instigite de mi, ŝi ne finis plu.

Lidio rigardadis nin, kaj iafoje ŝi fariĝis tute malgaja. Tiam mi diris al ŝi :

— Niaj interparoladoj vin tedas, ne vere ? Nu ! ekdiru al mi rondkanteton ankoraŭ ne kantitan de vi.

Ĉar Lidio sciis ĉiujn rondkantetojn, kiujn kantas la knabinoj. Estis bezone ke mi iom insistu, poste ŝi ekkantis dolĉe, mezvoĉe. Unu el la plej beletaj estis la kanteto pri la « Tri reĝoj ».

Melkior' kaj Baltazar'
Ve-ve-venis el Afrik',
Melkior' kaj Baltazar'
Venis el Afriko kun reĝo Gaspard'.

Jen ili ĉiuj venis
Sub, sub, sub la bela stel',
Jen ili ciuj venis
Sub la bela stel', kiu ilin gvidis.

L'unua donis oron
Car, ĉar, ĉar estis riĉa,
L'unua donis oron,
Ĉar tiel estis riĉa kiel milord.

Ne tute konsciante, mi agadis kun Lidio kiel kun infano, kaj, ĉiufoje kiam mi parolis pri io iomete serioza, mi turnis min al patrino Sankta-Agato.

Tiuj ĉi interparoladoj kun la «fratino» estis ĉarmegaj, tiom pli ĉarmegaj ke tiam mi finis volumon kunmetitan de kritiko kaj fantazio, en kiun mi metis kiel eble plej multe da renanismo (1), impresionismo kaj parizana moko, same aŭ vice. Plie, ofte mi iradis al tiuj ĉi puraj kunvenoj, ĵus leginte ian malpian libron.

Iam, patrino Sankta-Agato subite min demandis :

— Ĉu nun vi iradas al la meso, sinjoro Bertie'?

— Mi ekiros se tio faras al vi plezuron.

— Jes, sendube tio farus al mi plezuron.

— Mi ekiros do, mi tion promesas.

Mi aŭdis profundan ekĝemon.

— Kio fariĝas al vi, Linjo mia?

— Ho ! nenio... Sed kial vi promesas nur al la « patrino », ne al mi.

Ŝi ridetis malgaje tion dirante, kaj mi nenion trovis por respondi.

La morgaŭan tagon, Lidio alportis kanvason por sin okupi.

— Ho ! ho ! mi ekkriis, jen estas tre laborema fraŭlino !

— Ve ! ŝi diris, mi ne scias paroladi. Tiel mi plenigos la intermankojn de mia interparolado.

---

(1) Renanismo, el Renan', glora verkisto en la pasinta centjaro.

La « fratino », ĉe sia malgranda tabio, subskribadis la « biletojn » por la lernantinoj cititaj sur la « tabelo honora ». Ŝi min sciigis ke ekzistas ankaŭ « kajero honora », en kiu estas kopiitaj la stilaj temoj plej rimarkinde verkitaj. Mi petis ke oni vidigu al mi tiun ĉi kajeron. La « fratino » iom kontraŭparolis, sed fine ŝi promesis ke ŝi montros ĝin al mi, « kondiĉe ke mi estos tre indulgema ».

En la momento kiam mi ekforiris, mi diris al la « fratino » :

— Nu ! al morgaŭ, kaj, mi petas, ne forgesu la honoran kajeron !

Kaj kiam mi kisis Lidion, mi ekvidis ke ŝiaj okuloj pleniĝas je larmoj.

— Vi ploras, Lidio ? Cu mi vin ĉagrenis ?

Ŝi rigardadis min longe, serioze, kaj tiu ĉi rigardo ne estis plu knabina rigardo.

— Ĉu vi estas tre certa, ŝi diris al mi mallaŭte, ke vi tien ĉi ankoraŭ venas por mi ?...

La demando de Linjo maltrankviligis min dum la tuta vespero kaj la tuta nokto. Malgraŭ mia volo, ĝi elmontris al mi funde mian koron. Tre ekscitite, mi eksentis ke de kelka tempo mi venadis efektive por patrino Sankta-Agato, kaj ke, rilate al mi, la pura ĉarmo de mia fianĉino pereis... Jes, ĉio estis finita, tute finita.

Mi ne kuraĝis plu iri en la monaĥejon la morgaŭan nek la sekvintajn tagojn.

Ĉu ŝi min atendis ?

Mi ne reiris plu tien, neniam.

Kun la permeso de l'aŭtoro tradukis F. L.



# La Leprulo de l'urbo Aosto

Rakonto de XAVIER DE MAISTRE.



La suda parto de l'urbo Aosto estas nun preskaŭ dezerta, kaj kredeble ĝi neniam havis multe da loĝantoj. Oni vidas tie plugitajn kampojn kaj herbejojn, limigitajn unuflanke de la antikvaj remparoj, kiujn la Romanoj ĉirkaŭigis al ĝi, aliaflanke de la muroj de kelkaj ĝardenoj. Tiu ĉi izola loko tamen interesos eble la vojaĝantojn. Apud la pordo de l'urbo vidiĝas la ruinoj de malnova kastelo en kiu, laŭ la popola tradicio, la grafo Renato de Ŝalanŝo, ekscitite de furioza ĵaluzeco, mortigis per la malsato, en la dek-kvina centjaro, sian edzinon, la princinon Marion de Braganco: de tie venas la nomo « Bramafan' » (ĝi signifas *krio de la malsato*), per kiu la tieaj homoj nomas la suprediritan kastelon. Tiu ĉi rakonto, kvankam eble mensoga, faras tiujn restaĵojn interesaj por la sentemuloj, kiuj kredas ke ĝi estas vera.

Pli malproksime, je kelkaj centoj da paŝoj, staras kvarangula turo, alflankigita al la antikva muro kaj

konstruita el la marmoro kiu tiun ĉi iam survestis : ĝi estas nomata la « Turo de la teruro », tial ke la popolo longe kredis ke fantomoj tie loĝas. La maljunulinoj de l'urbo Aosto memoras kaj certigas ke, dum la noktoj mallumaj, ili vidis altkreskan virinon blanke vestitan elirantan el tiu ĉi turo kun lampo en la mano.

Antaŭ ĉirkaŭ dek-kvin jaroj ĝi estis, laŭ la ordono de l'estraro, rebonigita kaj ĉirkaŭbarita, por loĝigi tie kaj apartigi el la cetera societo leprulon, liverante al li ĉiujn oportunaĵojn, kiujn lia malgaja situacio ebligis. Li ricevadis la nutraĵon el la lazareto « Sankta Morico », kaj plie li estis provizita je kelkaj mebloj kaj ankaŭ je iloj necesaj por prilaboradi ĝardenon. Jen tie li de longe vivadis, elmetite al si mem, neniun vidante krom la pastro, kiu de tempo al tempo lin vizitadis kaj konsoladis per la religiaj helpoj, kaj ankaŭ la servisto, kiu ĉiusemajne alportadis al li la provizojn el la lazareto.

Dum la Alpa milito, en la 1797a jaro, militisto, kiu sin trovis en la urbo Aosto, okaze iam pasante apud la ĝardeno de l'leprulo, scivole eniris en ĝin. Li ekvidis viron simple vestitan, apogitan al arbo, kaj profunde meditantan. Je la bruo okazigita de l'oficiro, kiam tiu ĉi eniris, la izolulo, ne turninte sin, ne rigardinte, ekkriis malĝojavoĉe : « Kiu estas tie, kion oni deziras de mi ? — Pardonu, respondis la militisto, fremdulon kiu, logita de l'agrabla vido de via ĝardeno, eble agis ne ĝentile, sed neniel intencas vin tedi. — Ne iru antaŭen, rediris la loĝanto de l'turo, farante signon per la mano, vi estas apud malfeliĉulo atakita de la lepro. — Kia ajn estas via malfeliĉo, respondis la vojaĝanto, mi ne foriros; mi neniam evitis la malfeliĉulojn ; se tamen mia ĉeestado ĉagrenas vin, mi estas preta eliri. — Vi estu bonveninta, diris la leprulo sin alturnante

subite, kaj, min rigardinte, restu, se vi kuraĝos tion ĉi fari. »

La militisto staris kelktempe senmova pro miro kaj teruro, vidante la malfeliĉulon, kies vizaĝo estis tute difektita de la lepro. « Mi restos volonte, li diris, se ne estas malagrabla al vi la vizito de homo, kiun la okazo kondukis tien ĉi, sed kiun viva simpatio restigos. »

LA LEPRULO.

Simpatio !... Mi neniam elvokis ion krom kompato.

LA MILITISTO.

Mi sentus min feliĉa, se mi povus alporti al vi iom da konsolo.

LA LEPRULO.

Jen estas ja grava konsolo al mi vidi homojn, aŭdi la sonon de l'homa voĉo, kiu ŝajnas min eviti.

LA MILITISTO.

Permesu do ke mi, kelkajn momentojn, interparoladu kun vi, kaj vizitu vian loĝejon.

LA LEPRULO.

Tre volonte, se tio faras al vi plezuron. (Elparolante tiujn ĉi vortojn, la leprulo kovris al si la kapon per larĝa feltĉapelo, kies mallevitaj randoj kaŝis lian vizaĝon.) Venu, li aldiris, tien, al la sudo. Mi kreskigas, en malgranda florejo, florojn kiuj eble plaĉos al vi ; kelkaj el ili iom malofte troviĝas. Mi akiris la semojn de ĉiuj kiuj nature kreskas sur la Alpoj, kaj mi penadis por igi ilin per la zorgado duobliĝi kaj pli beliĝi.

LA MILITISTO.

Efektive, jen estas floroj kies vido estas por mi tute nova.

LA LEPRULO.

Rimarku tiun ĉi malgrandan rozan faskon ; ĝi estas la sendorna rozujo, kiu nur kreskas sur la supraj Alpoj ; sed jam ĝi ekperdas sian proprecon, kaj elkreskigas dornojn pro tio ke oni zorgadas ĝin kaj ke ĝi mult-obliĝas.

LA MILITISTO.

Oni rajte prenus ĝin por la simbolo de la sendankeco.

LA LEPRULO.

Se kelkaj el tiuj ĉi floroj ŝajnas al vi belaj, vi povas preni ilin sentime kaj portadi sur vi mem sendanĝere. Mi semis ilin ; estas al mi plezuro superverŝadi kaj rigardadi ilin, sed neniam mi ektuŝas ilin.

LA MILITISTO.

Kial do ?

LA LEPRULO.

Eble mi malpurigus ilin, kaj timante tion mi ne kuraĝus plu proponi ilin al iu.

LA MILITISTO.

Al kiu vi rezervas ilin ?

LA LEPRULO.

La personoj, kiuj alportas al mi la provizojn el la lazareto, volonte faras bukedojn el ili. Jafoje ankaŭ la urbaj infanoj alvenas al la pordo de la ĝardeno. Mi tuj

reeniras la turon el timo ke mi terurigos aŭ malhelpos ilin. Tra la fenestro mi vidas kiel ili petolas kaj subŝtelas kelke da floroj. Elirante, ili levas la okulojn al mi : « Bonan tagon, leprulo ! » ili ekkrias ridante, kaj tio min ĝojigas iom.

LA MILITISTO.

Vi kolektis tie multon da diversaj kreskaĵoj : jen estas vinberujoj kaj fruktarboj multaspecaj.

LA LEPRULO.

La arboj estas ankoraŭ junaj : mi mem plantis ilin kiel ankaŭ tiujn ĉi vinberujojn, kiujn mi kreskigis ĝis la supro de jena antikva muro, tiel larĝa ke ĝi liveras al mi malgrandan promenadejon ; tie estas la loko plej amata de mi... Supreniru per tiuj ĉi ŝtonoj, kvazaŭa ŝtuparo kies mi estas arĥitekturisto. Apogu vin al la muro.

LA MILITISTO.

Ho ! la ĉarma loketo ! Kiel bone ĝi taŭgas por la meditadoj de izolitulo.

LA LEPRULO.

Tial mi tre amas ĝin : de tie ĉi mi vidas la kamparon kaj la plugistojn ĉe la kampoj ; mi vidas ĉion kio okazas sur la herbejo, kaj mi estas vidata de neniu.

LA MILITISTO.

Mi admiras kiom tiu ĉi apartejo estas trankvila kaj izolita. Kvankam estante en urbo, oni kredus esti en dezerto.

LA LEPRULO.

La izoliteco ne ekzistas nur meze en la arbaroj kaj ŝtonegoj. La malfeliĉulo ĉie estas sola.

LA MILITISTO.

Kia vico de okazintaĵoj venigis vin en tiun ĉi apartejon? Ĉu tiu ĉi lando estas via patrujo?

LA LEPRULO.

Mi naskiĝis ĉe la maraj bordoj en la princlando de « Onejo », kaj mi loĝas tie ĉi nur de dek-kvin jaroj. Koncerne mian historion, ĝi estas nur longa kaj unuforma malfeliĉeco.

LA MILITISTO.

Ĉu vi ĉiam vivadis sole?

LA LEPRULO.

Mi ne konis miajn gepatrojn, perdinte ilin de infaneco. Al mi restis fratino, kiu mortis antaŭ du jaroj; mi neniam havis amikon.

LA MILITISTO.

Malfeliĉa!

LA LEPRULO.

Tiaj estas la decidoj de Dio.

LA MILITISTO.

Diru, mi vin petas, kia estas via nomo?

LA LEPRULO.

Ha! mia nomo estas terura. Mi estas nomata « la Leprulo! » Oni ne scias en la mondo mian familian nomon kaj ankaŭ tiun kiun mi ricevis en la bapta tago. Mi estas « la Leprulo » : jen la sola titolo kiu rekomendas

min al la bonvolo de l'homoj. Ili ne sciu eterne kiu mi estas!

LA MILITISTO.

Ĉu vivadis kun vi la fratino, kiun vi perdis?

LA LEPRULO.

Dum kvin jaroj, ŝi loĝis tie ĉi kune kun mi. Tiel malfeliĉa kiel mi, ŝi partoprenadis en miaj ĉagrenoj, kaj mi penadis por kvietigi la ŝiajn.

LA MILITISTO.

Kiaj estas viaj okupoj en tiel plena izoliteco?

LA LEPRULO.

La detala priskribo de l'okupoj de tia izolitulo, kia mi estas, ŝajnus ja tre unuforma al mondano, kiun feliĉigas nur la agemo de l'societa vivo.

LA MILITISTO.

Ha! vi ne konas bone tiun ĉi mondon, kiu neniam alportis al mi la feliĉon. Ofte mi estas izolita libervole, kaj eble niaj ideoj ne tiel multe diferencas kiel vi opinias. Tamen mi kontesas ke izoliteco eterna terurigas min; apenaŭ mi povas ĝin imagi.

LA LEPRULO.

«Kiu amas sian ĉelon, ĝuos tie la pacon», kiel estas skribita en la libro *Imitado de J.-Kristo*. Mi eksentas la verecon de tiuj ĉi konsolaj paroloj. La laborado ankaŭ faras la izolitecon pli elportebla. La homo, kiu laboradas, neniam estas tute malfeliĉa; mia propra ekzemplo pruvas tion. Dum la bela sezono, la ĝardena kaj floreja prizorgado sufiĉe okupas min; en la vintro,

mi plektas korbojn kaj fibrotapiŝojn, mi rebonigas miajn vestaĵojn; ĉiutage mi mem kuiras la nutraĵon senditan al mi el la lazareto, kaj preĝante mi uzas la neokupatajn horojn. Fine la jaro pasas, kaj kiam ĝi pasis, al mi ŝajnas kvazaŭ ĝi estis tre mallonga.

LA MILITISTO.

Estus pli kredeble ke ĝi ŝajnis al vi centjara.

LA LEPRULO.

La malbonoj kaj la ĉagrenoj ŝajnigas la horojn longdaŭraj; sed la jaroj elflugas ĉiam samrapide. Cetere en la plej alta grado de l'malfeliĉo estas ankoraŭ ia ĝojo, kiun la plimulto da homoj ne povas ricevi, kaj kiu eble ŝajnos al vi tre stranga, nome, ekzistadi, spiradi. En la bela sezono, mi pasigas tutajn tagojn sur tiu ĉi remparo, ĝuante senmove la aeron, la belan naturon. Tiam miaj pensoj estas malprecizaj, sendifinaj; la malĝojo reĝas en mia koro, sed ne dispremante ĝin; miaj rigardoj vagadas super tiu ĉi kamparo kaj super la ŝtonegoj ĉirkaŭaj; tiuj ĉi diversaj vidaĵoj estas tiel enpresitaj en mia memoro, ke iamaniere ili fariĝis parto de mi mem, kaj ĉia pejzaĝo estas kvazaŭ amiko, kiun mi plezure revidas ĉiutage.

LA MILITISTO.

Ofte mi sentis ion similan. Kiam la ĉagreno dispremas min, kaj mi ne trovas ĉe la koro de aliaj homoj kion la mia deziras, tiam la vido de l'naturo kaj de l'senvivaĵoj min konsolas; mi ekamas la ŝtonegojn, la arbojn, kaj ŝajnas al mi ke ĉiuj kreitaĵoj estas amikoj, kiujn Dio donis al mi.

LA LEPRULO.

Vi kuraĝigas min vice klarigi al vi miajn intimajn

sentojn. Mi amas vere la objektojn, kiuj estas iamaniere la akompanantoj de mia vivo : tial ĉiuvespere, antaŭ ol reeniri la turon, mi eksalutas la glaciarojn de « Ruitorts », la densajn arbarojn de monto « Sankta-Bernardo », kaj la strangajn pintojn, kiuj superstaras la valon de « Rhem' ». Kvankàm la dia potenco vidiĝas tiel klare en la kreo de l'formiko, kiel en la kreo de la tutmondo, pli grave tamen impresas min l'ekvido de l'altaj montaroj : mi ne povas vidi tiajn vastegajn ŝtipojn, kovratajn per eternaj neĝoj, sen religia miro. En tiu ĉi vasta natura pentraĵo, kiu ĉirkaŭas min, estas pejzaĝoj pli amataj de mi, ekzemple, l'ermitejo kiun vi ekvidas tie sur la supro de l'monto « Harvensod' ». Izolite meze en la arbaroj, apud dezerta kampo, ĝi ricevas la lastajn radiojn de l'kuŝiĝanta suno. Kvankam mi neniam alproksimiĝis al ĝi, mi ĝuas miran plezuron rigardante ĝin. Kiam la tago kliniĝas, ofte mi, sidante en la ĝardeno, aldirektas la okulojn al tiu ermitejo, kaj fantazie migras tien. Ĝi fariĝis kvazaŭ ia propraĵo mia ; al mi ŝajnas konfuze ke mi vivadis tie en epoko pri kiu la memoro elflugis el mia cerbo. Precipe mi amas rigardadi la malproksimajn montojn, kiuj, ĉe la horizonto, miksiĝas kun la ĉielo. La malproksimeco, kiel ankaŭ l'estonteco, igas min esperadi ; mia koro premata kredas ke ekzistas ie malproksima lando, kie pli malpli frue mi ĝuos fine la feliĉon, al kiu mi sopiras, kaj kiun mi instinkte imagas ebla.

LA MILITISTO.

Pro via varmega animo, vi bezonis ja multe da penadoj por submetiĝi al la sorto, kaj ne enfali en la malesperon.

LA LEPRULO.

Mi mensogus, se mi kredigus al vi ke mi ĉiam submetiĝas al la sorto; ne, mi ne akiris la sinforgesemon, kiun atingis kelkaj anaĥoretoj. La plena ofero de ĉiuj homaj pasioj ne estas ankoraŭ efektivigita ĉe mi: mi pasigas la vivon batalante senĉese, kaj eĉ la religiaj helpoj ne ĉiam kapablas bridi mian vageman fantazion. Ofte ĝi min ĵetas en Oceanon da vanaj deziroj, kiuj ree alkondukas min al tiu ĉi mondo, kies, kvankam mi tute ne konas ĝin, fantazia imago ĉiam alestas turmentante min.

LA MILITISTO.

Se mi povus legigi vin en mia animo kaj komuniki al vi la ideon, kiun mi havas pri la mondo, ĉiuj viaj deziroj kaj bedaŭroj tuj malaperus.

LA LEPRULO.

Kelkaj libroj ja instruis min pri la homa malbonemo kaj la neeviteblaj malfeliĉoj de la homaro, sed ili ne konvinkis min. Obstine mi imagas societojn de sinceraj kaj virtemaj amikoj, geedzojn tute oportune kunligitajn, kiuj junaj, sanaj, riĉaj ĝuas plenan feliĉon. Al mi ŝajnas kvazaŭ mi vidus ilin vagantajn kune tra arbaretoj pli verdaj kaj pli malvarmetaj ol tiuj kiuj liveras al mi sian ombron, lumitajn de suno pli brila ol tiu kiu lumas al mi, kaj ilia sorto vidiĝas al mi tiom pli enviinda ke la mia estas pli mizera. En la komenco de l'printempo, kiam la Piemonta vento, ekblovinte super nia valo, penetras min per sia viviga varmeco, mi eksentas min ekscitita de neklarigebla deziro kaj konfuza ideo de feliĉeco senlima, kiun ĝui mi povus, kaj kiu tamen estas al mi ne permesita. Tiam mi eliras el mia

ĉelo, mi vagadas tra la kamparo, por pli libere spiradi. Mi atentas ke ne vidu min la homoj, kiujn tamen mia koro deziregas renkonti, kaj kaŝite meze en la arbetaĵoj, kiel sovaĝa besto, mi ekrigardas de l'supro de la monteto la urbon Aoston. De malproksime mi vidas ĝiajn feliĉajn loĝantojn, kiuj apenaŭ min konas, al ili mi ĝemante direktas la manojn, petante mian parton da feliĉo. Tia estas iafoje mia deliro ke — ĉu mi konfesos tion? — mi ĉirkaŭprenas la arbajn trunkojn, petante de Dio la favoron, ke Li vivigu ilin, kaj donacu amikon al mi! Sed la arboj restas mutaj; ili forpelas min per sia malvarma ŝelo, kiu havas nenion komunan kun mia koro tiel vivega, tiel varmega. Rompite de laceco, tedite de la vivo, mi revenas al la loĝejo; mi ekrakontas miajn suferojn al Dio, kaj, dank'al la preĝado, iom trankviliĝas mia animo.

LA MILITISTO.

Kompatinda malfeliĉulo, vi suferas do ĉiujn animajn kaj korpajn dolorojn?

LA LEPRULO.

La korpaj ne estas plej kruelaj!

LA MILITISTO.

Ili do iafoje ĉesas?

LA LEPRULO.

Ĉiumonate, ili pliiĝas kaj malpliiĝas laŭ la kuro de l'luno. Kiam tiu ĉi ekmontriĝas, ordinare mi pli multe suferas; poste la malsano malpligraviĝas kaj ŝajnas aliiĝi : la haŭto al mi sekiĝas kaj blankiĝas, kaj la suferoj tiam preskaŭ tute trankviliĝas; cetere la malsano

estus al mi ĉiam tolerebla, se ĝi ne kaŭzus teruregajn sendormadojn.

LA MILITISTO.

Kio! eĉ la dormo forlasas vin!

LA LEPRULO.

Ho! Sinjoro, la sendormadoj! la sendormadoj! Vi ne povas imagi kiom estas longa kaj malĝojiga la nokto, kiun malfeliĉulo pasigas ne fermante la okulon, pripensante pri mizerega situacio kaj senespera estonteco. Mi malkvietiĝas tiom pli kiom la nokto pli progresas; kaj kiam ĝi estas baldaŭ finiĝonta, mi ekscitiĝas tiom ke mi ne scias kio mi fariĝos : miaj pensoj konfuziĝas; mi sentas ion strangan, kio okazas nur en tiuj malĝojaj momentoj. Jen al mi ŝajnas kvazaŭ ia forto nevenkebla puŝus min en senfundan profundegaĵon; jen antaŭ miaj okuloj ekaperas nigraj makuloj, kiuj, dum mi observas ilin, intermiksiĝas fulmorapide; ili pligrandiĝas alproksimiĝante al mi, kaj baldaŭ fariĝas montoj, kiuj min premas per sia pezo. Alifoje ankaŭ mi vidas nubojn elirantajn el la tero, simile al ondoj, kiuj ŝveliĝas ĉirkaŭ mi, amasiĝas kaj minacas engluti min; kaj kiam mi ekvolas leviĝi por forpeli tiujn ĉi imagojn, mi sentas min senforta, detenata per kvazaŭaj ligiloj nevideblaj. Eble vi kredas ke tio estas songoj; ne, — mi vere ne dormas. Senĉese mi revidas la samajn objektojn, kaj tio estas sentaĵo superanta ĉiujn aliajn suferojn.

LA MILITISTO.

Vi eble febras dum tiuj kruelaj sendormaj horoj, kaj tio kredeble kaŭzas al vi tiun kvazaŭan deliron.

LA LEPRULO.

Ĉu vi opinias ke tio devenus de la febro? Ha! kiom vi kontentigus min, se vi dirus vere. Ĝis nun mi timis ke tiuj aperoj estas simptomoj de frenezeco. Dio volu ke tio estu la rezultato de l'febro!

LA MILITISTO.

Vi interesas min vive. Mi konfesas ke neniam mi imagis tian situacion. Mi tamen opinias ke ĝi ne estis tiel malgaja kiam via fratino vivadis.

LA LEPRULO.

Sola Dio scias kion mi perdis per la morto de mia fratino. — Sed ĉu vi ne timas, estante tiel proksime al mi? Sidiĝu tien ĉi, sur jenan ŝtonon; mi translokigos min post la foliaron, kaj ni interparolados ne vidante unu la alian.

LA MILITISTO.

Kial do? Ne demoviĝu de mi; restu apud mi. (Elparolante tiujn ĉi vortojn, la vojaĝanto nekonscie faris geston por ekkapti la manon de l'leprulo, kiu vivege retiris ĝin.)

LA LEPRULO.

Senprudentulo! Vi preskaŭ ekkaptis al mi la manon!

LA MILITISTO.

Nu! Mi premus ĝin kore.

LA LEPRULO.

Jen mi ĝuus tian feliĉon la unuan fojon: neniam de iu estis premita mia mano.

LA MILITISTO.

Kio do! Krom la fratino pri kiu vi parolis kun mi supre, vi neniam havis amikon, vi neniam estis amata de iu ajn el viaj similuloj?

LA LEPRULO.

Feliĉe por la homaro, ne ekzistas plu sur la tero similulo al mi.

LA MILITISTO.

Vi igas min tremegi!

LA LEPRULO.

Pardonu, kompatema fremdulo! La malfeliĉuloj, vi scias tion, volonte parolas pri siaj mizeroj.

LA MILITISTO.

Parolu, parolu, homo interesa! Vi sciigis al mi ke fratino iam vivadis kune kun vi, faciligante al vi la elportadon de l'suferoj.

LA LEPRULO.

Tio estis la sola ligilo per kiu mi rilatis ankoraŭ al la cetera homaro! Plaĉis al Dio rompi ĝin kaj fari min izolita kaj sola sur la tero. Ŝia animo estis inda je la ĉielo, kie ĝi nun loĝas, kaj per sia ekzemplo ŝi min subtenis kontraŭ la malkuraĝeco, kiu tiel ofte de ŝia morto premas min. Ni tamen ne vivadis en la dolĉega intimeco, kiun mi dezirus, kaj kiu devus unuigi du malfeliĉajn amikojn. La naturo de nia malsano ne lasis al ni tian konsolon. Eĉ kiam ni alproksimiĝis unu al la alia, por preĝi al Dio, ni reciproke evitis rigardi unu la alian, el timo ke la vido de niaj suferoj malordigos

niajn pripensojn ; sekve niaj rigardoj nur kuniĝis en la ĉielo. Post la preĝado, mia fratino ordinare rifuĝadis en sian ĉelon aŭ sub la avelujojn kiuj limigas la ĝardenon; sekve ni vivadis preskaŭ ĉiam aparte.

LA MILITISTO.

Kial do vi ambaŭ akceptis libervole tian maloportunaĵon ?

LA LEPRULO.

Kiam mia fratino, atakite de la komunikiĝema malsano kiu pereigis tutan mian familion, venis tien ĉi por kunloĝi kun mi, neniam ni estis vidintaj unu la alian, tial ŝi estis ekstreme terurita ekvidante min la unuan fojon. La timo malĝojigi ŝin, la timo ankoraŭ pli granda pligravigi ŝian malsanon, trudis min al tiu ĉi malgaja vivomaniero. La lepro estis atakinta nur ŝian bruston, sekve mi konservis ankoraŭ iom da espero ke ŝi resaniĝus. Vi vidas tiun ĉi disrompitan kradon, pri kiu mi ne zorgas plu, jen ĝi estis tiam lupola barilo, pri kiu mi diligente zorgadis, kaj kiu duone dividis la ĝardenon. De ĉiu flanko mi faris mallarĝan vojeton, laŭ kiu ni havis la eblon promenadi kaj interparoladi ne vidante unu la alian, nek estante tro proksime.

LA MILITISTO.

Oni dirus ja ke al la ĉielo plaĉis veneni la maldoĉajn plezurojn kiujn ĝi restigis al vi.

LA LEPRULO.

Almenaŭ mi ne estis tiam sola, la ĉeestado de mia fratino faris tiun ĉi izolitejon viva. Mi aŭdis la sonadeton de ŝiaj pasoj ĉe mia solejo. Kiam, je la matenruĝo, mi revenadis sub tiujn ĉi arbojn, por preĝi al Dio, la por-

do de l'turo senbrue malfermiĝadis, kaj la fratina voĉo nesenteble unuiĝadis al la mia. Vespere, kiam mi verŝadis akvon sur la kreskaĵojn, kelkfoje mia fratino promenadis tie ĉi, en tiu sama loko kie mi estas parolanta kun vi, kaj mi vidadis ŝian ombron pasantan kaj repasantan super la floroj. Eĉ, kiam ŝi malaperis, al mi montriĝadis ĉie la signoj de ŝia ĉeestado. Nun ne okazas plu ke mi renkontas sur la vojo disĵetitajn florfolietojn aŭ kelkajn arbetajn branĉojn, kiujn ŝi faligis preterirante; mi restas sola; ne estas plu ĉirkaŭ mi nek movo nek vivo, eĉ la vojeto kiu kondukis al ŝia plej amata arbareto, jam malaperas sub la herbo. Ne ŝajnigante sin okupata pri mi, ŝi senĉese zorgis pri tio kio plezurigos min. Iafoje, enirante en mian ĉambron, mi trovis tie freŝajn florojn aŭ ian belan frukton, pri kiu ŝi mem estis zorginta. Mi ne kuraĝis fari al ŝi la samajn servojn, eĉ mi petis ke ŝi neniam enpaŝu en mian ĉambron; sed kiu povas meti limojn al la fratina amo? Per unu ŝia faro vi komprenos eble kiom ŝi amegis min. Iam, nokte, mi marŝadis per grandaj paŝoj tra mia ĉambro, turmentate de suferoj neelporteblaj. Noktomeze, sidiĝinte momenton, por ripozi, mi aŭdis mallaŭtan bruon ĉe la pordo. Mi alproksimiĝas, atentigas l'orelon: juĝu kia estas mia miro! Mia fratino preĝas al Dio ekstere sur la porda sojlo. Si estis aŭdinta miajn plendojn. Pro sia amego, ŝi ne volis ĝeni min, sed ŝi alestis preta por helpi al mi, se estus bezone. Mi ekaŭdis ŝin parolantan mallaŭte « Miserere ». Tiam genuiĝinte apud la pordo, mi sekvis anime ŝiajn parolojn, ne interrompante ŝin. Miaj okuloj pleniĝis je larmoj : kiu ne estus kortuŝita de tia amego? Kiam mi opiniis ke ŝia preĝado estas finita, mi diris mallaŭta voce: « Adiaŭ, mia fratino, adiaŭ, deiru, mi eksentas min iom pli

bone; Dio vin benu kaj recompencu vian piecon! » Ŝi foriris silente, kaj kredeble ŝia preĝo estis elaŭdita, ĉar mi dormis fine kelkajn horojn kviete.

LA MILITISTO.

Kiom ja ŝajnis al vi mallumaj la tagoj, kiuj sekvis unue la morton de via amata fratino?

LA LEPRULO.

Mi restis longe kvazaŭ senkonscia, kaj sekve ne kapabla senti kiel kruela estas mia malfeliĉo: kiam denove mi konsciiĝis kaj kapabliĝis juĝi mian situacion, la prudento min preskaŭ forlasis. Tiu momento estos ĉiam por mi duoble malĝojiga: ĝi rememorigas min pri la plej kruela el miaj malfeliĉoj kaj ankaŭ pri la krimo kiu apenaŭ ne sekvis ĝin.

LA MILITISTO.

Krimo! Ĉu tio estas ebla de vi? Mi ne kredas tion.

LA LEPRULO.

Ve! Tio estas tute vera. Mi ja sentas ke, rakontinte al vi tiun momenton de mia vivo, mi perdos multe da via estimo; sed mi ne volas vidigi min pli bona ol mi estas, cetere, kvankam mallaŭdante, eble vi bedaŭros min. Jam kelkfoje, en melanĥoliaj atakoj, mi ekpensis eliri libervole el tiuĉi mondo, sed ĉiam la timo al Dio igis min forpeli tiun ideon, kiam la okazo plej simpla kaj, ŝajne, malplej kapabla eksciti min preskaŭ pereigis min senespere.

La kaŭzo estis nova ĉagreno ricevita de mi.

Antaŭ kelkaj jaroj hundeto sin aldonis al ni: mia fratino ĝin amis, kaj mi konfesas ke de ŝia morto tiu

mizera besto alportis al mi veran konsolon. Forĵetite de ĉiu pro sia malbeleco, ĝi estis rifuĝinta en nian loĝejon, kaj estis ja trezoro por la lepruloj. Por redanki la favoron de Dio, kiu donacis al ni tiun amikon, mia fratino nomis ĝin « Miraklo » ; per tiu ĉi nomo tiel maldeca al sia malbeleco, kaj ankaŭ per sia gajeco, ĝi distradis nin ofte meze en la ĉagrenoj. Spite je mia diligenta observado, ĝi foriradis kelkfoje, kaj cetere mi neniam pensis ke tio povos malhelpi iun. Tamen kelkaj loĝantoj ektimis pro tio, kaj kredante ke la besto eble alportos al ili malsanigajn ĝermojn, ili decidis plendi ĉe la komandanto, kiu ordonis ke mia hundo estu mortigita. Baldaŭ do militistoj kune kun kelkaj loĝantoj alvenis ĉe min por plenumi tiun ĉi kruelan ordonon. Ĉirkaŭliginte ĝian kolon per ŝnuro, antaŭ miaj okuloj, ili fortrenis ĝin. Ĉe la pordo de l'ĝardeno, mi ne povis ne ĝin rigardi ankoraŭ unufoje ; tiam ĝiaj okuloj alturniĝis al mi por peti helpon, kiun mi ne estis kapabla alporti. Oni intencis dronigi ĝin en la « Dorio » ; sed la popolamaso, kiu atendis ĝin ekstere, ĝin mortigis per ŝtonbatoj. Mi aŭdis ĝiajn kriegojn, kaj reeniris la turon pli mortinta ol viva ; miaj genuoj tremis, fleksiĝis : disrompate de ekscito nepriskribebla, mi ĵetis min sur mian liton. Tia estis mia ĉagreno, ke tiu ordono justa sed severa ŝajnas al mi nur kruelaĵo tiel abomeninda kiel senutila ; eĉ hodiaŭ, kvankam mi hontas la tiaman senton, mi ne povas ankoraŭ pri tio pensi senekscite. Mi pasigis la tutan tagon malkvietege. Oni do forigis de mi la lastan estaĵon vivan, kaj per tiu ĉi bato malfermiĝis ĉiuj vundoj de mia koro.

Tia estis mia stato, kiam, la saman tagon, ĉirkaŭ la kuŝiĝo de la suno, mi venis tien ĉi, por sidiĝi sur la ŝtonon, sur kiu vi mem sidas. Tie mi pripensadis

kelktempe mian malĝojan sorton, kiam apud jenaj ambaŭ betuloj starantaj ĉe la fino de l'barilo, mi ekvidis aperantajn du junajn geedzojn nove kunligitajn. Ili marsis laŭlonge la vojeto, tra la herbejo, kaj preterpasis ne malproksime de mi. La dolĉega kvieteco, kiun ceria feliĉo inspiras, estis pentrita sur iliaj belaj vizaĝoj. Ili antaŭeniris malrapide interligitaj per la brakoj. Subite ili haltis, kaj la juna virino ekklinis la kapon sur la bruston de sia edzo, kiu pasie alpremis ŝin al si. Vidante tion, mi sentis ke mia koro premiĝas. Ĉu mi konfesos tion? Tiam, la unuan fojon, la envio eniris en mian koron : neniam la imago de l'feliĉo montriĝis al mi tiel forte. Mi sekvis ilin per la okuloj ĝis la fino de l'herbejo, kaj ĵus kiam ili malaperis post la arboj, eksonis ĝojaj krioj : ĝi estis iliaj familianoj kiuj kune alvenis renkonte al ili. Maljunuloj, virinoj, infanoj ĉirkaŭis ilin ; mi aŭdis la konfuzan murmuron de l'ĝojo ; inter la arboj brile moviĝetis la diversaj nuancoj de l'vestaĵoj, kaj la tuta grupo ŝajnis envolvata per feliĉa nebulo. Tian scenon elporti mi ne povis : la turmentoj de l'infero ekeniris mian koron : deturninte la okulojn, mi rapide kuris en mian ĉelon. Dio ! kiom ĝi vidiĝis al mi dezerta, malluma, teruriga ! Jen do estas, mi ekkriis, mia ĉiama loĝejo ! Jen do tie mi vivos mian plendindan vivon, atendante la malfruan finiĝon de miaj tagoj ! La « Eterna » disdonis la feliĉon, disdonis ĝin multege al ĉiu kreito ; kaj mi, mi restas sola, sen helpanto, sen amiko, sen akompanantino ! Kia terurega sorto !

Disŝirate de tiuj ĉi malĝojaj pensoj, mi forgesis ke ekzistas konsolanto, mi forgesis min mem. Kial do, mi diris, mi maskiĝis? Kial la naturo estas senjusta kaj senama por mi sola? Antaŭ miaj okuloj kuŝas la riĉa

havo de l'homa familio, kaj, simile al senheredigita filo, mi sola ne ricevas de l'avara ĉielo mian parton. Ne, ne, mi ekkriis fine koleregante, ne estas feliĉo por ci sur la tero : mortu, malfeliĉulo, mortu! Ŝufiĉe longe ci infektadis la teron per cia ĉeestado; malaperu suben, kaj ne restigu tie ĉi ian postsignon de cia abomeninda ekzistado! Freneziĝinte pli kaj pli, mi ekdeziris memmortigi, kaj de tiam mi pensis nur pri tio. Fine mi decidis ekbruligi mian rifuĝejon, por ke mi pereu ne restigante ian mian memoraĵon. Ekscitite, furioze, mi eliris sur la kamparon, mi vagadis kelktempe, en la ombro, ĉirkaŭ mia loĝejo : kriegoj elrompis sin el mia brusto premata, kiuj terurigis min mem en la nokta silento. Deliranta vere mi reeniris mian loĝejon ekkriante : « Ve al ci, leprulo! Ve al ci! » Kaj kvazaŭ ĉio kunhelpis al mia pereo, meze en la ruinaĵoj de l'kastelo « Bramafan' », aŭdiĝis l'eĥo hele ripetanta : « Ve al ci! » Terurite, mi haltis ĉe la pordo de l'turo, kaj post kelka tempo l'eĥo de la monto malpli laŭte ripetis... « Ve al ci! »

Mi ekkaptis lampon, kaj decidinte ekbruligi mian loĝejon, mi malsupreniris en la subetaĝan ĉambron, kunportante vinberbrancojn kaj aliajn sekaĵojn. Ĝi estis la ĉambro de mia fratino, kaj de ŝia morto mi ne estis reenirinta en ĝin: jen estis en la sama loko ŝia apogseĝo, el kiu mi ellevis ŝin por la lasta fojo ; mi ektimetis vidante ŝian vualon kaj kelke da ŝiaj vestaĵoj dismetitaj en la ĉambro : la lastaj vortoj, kiujn ŝi elparolis antaŭ ol eliri de tie, ree prezentiĝis al mia memoro : « Mi ne forlasos vin mortante, ŝi diris al mi, memoru ke mi alestos al vi en la mezo de la ĉagrenoj. » Metante la lampon sur la tablon, mi ekvidis la rubandon de la kruco kiun ŝi portadis ĉe la kolo, kaj kiun ŝi mem

estis kuŝiginta inter du folietoj de sia Biblio. Je tiu ĉi ekvido, mi iris malantaŭen, frapite de sankta teruro. Subite al miaj okuloj malblindigitaj aperis la profundegaĵo al kiu mi alkuris ; tremante, mi alproksimiĝis al la sancta libro : « Jen estas, mi ekkriis, la promesita helpo ! » Kaj, elprenante el la libro la krucon, mi trovis tie skribaĵon sigelitan, kiun mia bona fratino estis lasinta tie por mi. Miaj larmoj, ĝis tiam haltigitaj de la sufero, ekfluis multege : ĉiuj funebraj intencoj tuj malaperis. Longe mi alpremis al mia koro la karan leteron, antaŭ ol ebliĝis al mi ĝin eklegi. Poste genuiĝinte por preĝi al la kompatema Dio, mi malsigelis ĝin, kaj ploregante mi tralegis la parolojn sekvantajn, kiuj eterne restos gravuritaj en mia koro : « Frato mia, baldaŭ mi » foriros, sed mi ne forlasos vin. De la ĉielo kien mi » esperas iri, mi zorgos pri vi ; mi preĝos Dion ke » li donu al vi la forton elporti rezignacie la vivon, ĝis » al Li plaĉos kunigi nin ambaŭ en alia mondo. Tiam » ebliĝos ke mi montros al vi mian tutan amon ; nenio » jam malhelpos min alproksimiĝi al vi, kaj nenio » povos disigi nin. Mi lasas al vi la malgrandan krucon, » kiun mi portis kun mi dum la tuta vivo ; ĝi min ofte » konsoladis en la mezo de la ĉagrenoj, kaj sola alestis » al miaj larmoj. Memoru, ĉiufoje kiam vi ĝin ekvidos, » ke mia lasta dezirego estas ke vi povu vivi kaj morti » tute kristane. » Letero amata ! Mi neniam forlasos ĝin : mi enportos ĝin en la tombon ; ĝi malfermos al mi la ĉielajn pordojn, kiujn krimo apenaŭ ne fermis al mi. Fininte la legadon, mi sentis ke mi tuj svenos, rompite de tiom da diversaj ricevitaj sentaĵoj. Nubo etendiĝis antaŭ miaj okuloj, kaj dum kelka tempo mi perdis la memoron de miaj suferoj kaj la konscion de mia ekzistado. Kiam mi rekonsciiĝis, jam la nokto

estis plejparte pasinta. Laŭ tio ke al mi la pensoj pli klariĝis, mi sentis kvietecon nedifineblan. Al mi ŝajnis kvazaŭ ĉio okazinta dum la vespero estis nur sonĝo. Unue mi eklevis la okulojn al la ĉielo por danki Dion kiu antaŭgardis min de la plej grava el malfeliĉoj. Neniam antaŭe la firmaĵo vidiĝis al mi tiel hela, tiel bela: stelo brilis antaŭ mia fenestro, longe mi rigardis ĝin kun nedirebla plezuro: estis al mi intima konsolo pensi ke, laŭ la volo de Dio, unu el la stelradioj trafas eĉ la malgajan ĉelon de l'leprulo.

Mi reiris supren en mian ĉambron. Mi pasigis la ceteran nokton tralegante la libron « Job; » kaj per tio mia animo ricevis sanktan entuziasmon, kiu fine dispelis tute la funebrajn pensojn, kiuj antaŭe turmentis min. Neniam okazis al mi tiaj suferaj momentoj dum la vivo de mia fratino: ŝi apudestis al mi, haj tio sufiĉis por trankviligi min; ŝi amis min, kaj tio sufiĉis por min konsoli kaj kuraĝigi.

Kompatema fremdulo! Vin gardu la ĉielo de izolita vivado! Mia fratino, mia akompanantino ne estas plu! Sed la ĉielo donos al mi la forton por elporti kuraĝe la vivon, gi al mi ĝin donos, mi esperas, ĉar mi preĝas al Dio en la plej profunda sincereco de mia koro.

LA MILITISTO.

Kian aĝon havis via fratino kiam vi perdis ŝin?

LA LEPRULO.

Ŝi estis apenaŭ dudek-kvin jara; sed la suferoj ŝajnigis ŝin pli grandaĝa. Spite je la malsano, kiu pereigis ŝin, kiu estis difektinta ŝiajn trajtojn, ŝi estis ankoraŭ bela, sed terurege pala: ŝi estis vere l'imago de l'morto viva; mi ne povis vidi ŝin kaj ne ĝemi.

LA MILITISTO.

Vi perdis ŝin tre junan?

LA LEPRULO.

Ŝia malforta kaj delikata konstitucio ne povis kontraŭbatali tiom da kunigitaj suferoj. De kelka tempo mi sentis ke ŝia perdo estas neevitebla; cetere tiel malgaja estis ŝia sorto, ke devigite mi deziris ĝin. Vidante ke ĉiutage pli kaj pli ŝi malfortiĝas kaj detruiĝas, mi observis kun funebra ĝojo la finiĝon de ŝiaj suferoj pli kaj pli proksiman. Jam de unu monato ŝia malforteco pliiĝis; je ĉia horo oftaj svenoj minacis ŝian vivon. Ian vesperon (tio estis en la komenco de aŭgusto), ŝi vidiĝis al mi tiel lacega ke mi decidis ne forlasi ŝin: ŝi sidis sur sia apogseĝo, ĉar de kelkaj tagoj ŝi ne povis resti sur la lito. Mi sidiĝis apud ŝi, kaj en la plena mallumo ni interparoladis la lastan fojon. Miaj larmoj senhalte fluis; kruela antaŭsento ekscitis min. «Kial vi ploras? ŝi diris al mi, kial vi ĉagreniĝas tiel? Mortante mi ne forlasos vin, al viaj turmentoj mi alestos.»

Post kelkaj momentoj, ŝi esprimis la deziron ke mi transportu ŝin el la turo en la avelejon, por ke ŝi faru siajn preĝojn tie kie ŝi kutimis pasigi plejparte la belan sezonon. « Mi volas, ŝi diris, morti rigardante la ĉielon. » Tamen mi ne kredis ke ŝia lasta horo estas tiel proksima. Ĉirkaŭpreninte do, mi forlevis ŝin. « Nur subapogu min, ŝi diris; eble ni havos ankoraŭ la forton por marŝi. » Mi kondukis ŝin malrapide ĝis la avelejo; mi aranĝis al ŝi kusenon per sekaj folioj, kiujn ŝi mem estis tie kolektinta, kaj ŝirminte ŝin per vualo kontraŭ la nokta malsekaĵo, mi sidiĝis apude, sed ĉar ŝi deziris esti sola por sia lasta pripensado, mi mal-

proksimiĝis ne ĉesante tamen observi ŝin. De tempo al tempo, levetiĝis ŝia vualo, kaj ŝiaj palaj manoj aldirektiĝis al la ĉielo. Kiam mi reiris al la arbetaro, ŝi petis min pri akvo : mi alportis ĝin en ŝia kaliko, ŝi trempis tien la lipojn, sed ŝi ne povis trinki. « Jen estas mia finiĝo, ŝi diris deturnante la kapon, baldaŭ mia soifo trankviliĝos je eterne. Subtenu min, frato mia, faciligu al via fratino la deziratan sed teruran transiron. Subtenu min, elparolu la preĝojn por la batalantoj kontraŭ la morto. » Tiaj estis ŝiaj lastaj vortoj. Mi alpremis ŝian kapon al mia brusto, kaj mi elparolis la preĝojn pri l'agonio. « Aliru al l'eternejo! mi diris, kara fratino, liberigu vin de la vivo, lasu ĉe miaj brakoj tiun ĉi korpan vestaĵon! » Dum tri horoj, mi subtenis ŝin tiel en la lasta batalado de la naturo; fine ŝi estingiĝis dolĉe, kaj ŝia animo senpene disigis sin de la tero.

Fininte tiun ĉi rakonton, la leprulo ekkovris sian vizaĝon per siaj manoj : la vojaĝanto mutiĝis de kompato. Post momenta silento, la leprulo sin levis. « Fremdulo, li diris, se iam la ĉagreno aŭ la malkuraĝo alproksimiĝos al vi, ekpensu je la izolitulo de l'urbo Aosto; tiele vi ne estos vizitinta lin vane. »

Ili ekmarŝis kune al la pordo de l'ĝardeno. Ĵus kiam la militisto estis forironta, li engantigis sian dekstran manon, kaj diris al la leprulo : « Vi neniam premis la manon al iu, faru do al mi la favoron premi la mian; jen ĝi estas la mano de amiko, kiu vere interesiĝas pri via sorto. » La leprulo paŝis malantaŭen kvazaŭ terurite, kaj levinte al la ĉielo la manojn kaj la okulojn, li ekkriis : « Bona Dio, ŝutu multege viajn benojn sur tiun ĉi kompateman fremdulon! »

« Donu do al mi alian favoron, rediris la vojaĝanto. Mi tuj foriros; kredeble ni ne revidos unu la

alian antaŭ longe : ĉu ne estus eble ke, uzante la necesajn antaŭgardojn, ni interŝanĝu kelke da leteroj? Tia korespondado eble vin distrus, kaj ja farus grandau plezuron al mi. » Post momenta pripensado, la leprulo diris : « Kial mi penus por min mem trompi? Mi ne devas havi rilatojn, kun alia krom mi mem, alian amikon ol Dion; ni revidos unu la alian en la ĉielo. Adiaŭ, kompatema fremdulo, estu feliĉa... Adiaŭ, je eterne! » La vojaĝanto eliris. La leprulo fermis la pordon, kies riglilojn li puŝis.

Tradukis F. L.



# TABELO DE LA ENHAVO



DIJON, IMP JOBARD.

